

**Patrino.** Skulpto de Art. Levin-Funke (Lewin-Funcke)

# LA NOVA EPOKO


**Literatur-Scienca Aldono al**
**SENNACIULO**
**oficiala organo de Sennacieca Asocio Tutmonda**

**Jaro IX/XIII**
**N-o 4 (100)**

**aperas dumonate**
**6. oktobro 1932**


# EGALAJ ESTAS NI!

*Originalo de V. Riedel.*

*PATRINAJ sinoj fakte nur*
*Naskmetas nuduletojn*
*— Sin egalantajn per natur'—*
*En pretajn luliletojn.*
*Neniu distingiĝas*
*Per ajn dekoraci';*
*Do, tiel bonmontriĝas:*
*„Egalaj estas ni!"*

*Egalos iam ĉiuj ni*
*Per fina nia sorto.*
*Nur silentulojn sen pasi'*
*Produktas ja la morto.*
*Neniu esceptiĝas*
*Eternvivante plu,*
*Por ĉiu prezentiĝas*
*La fina tera tru'.*

*Senvole ja eniĝas ni*
*La vivon en ĉi mondo,*
*Atestas tio nepre pri*
*Egala homorondo.*
*Sed, karaj „egaluloj",*
*Prematoj ekster sun',*
*Ĉu ĉiuj ni vivuloj*
*Samstatas vere nun?*

*Riĉulo vere vivas ja,*
*Proleto nur vegetas;*
*Malĝuas, ĝis ribele la*
*Katenojn li forĵetas.*
*Faktigu ni jen temon:*
*„Fimastroj estu for!"*
*Kaj „For la humilemon"*
*„Proletan kontraŭ or'!"*

*La nunan mondon regas or';*
*Laŭ tio ĝi aspektos,*
*Ĝis fine ni je bona hor'*
*Ĝisfunde ĝin korektos.*
*Proletoj decidiĝu!*
*Ne restu iluzi',*
*Ke baldaŭ realiĝu:*
*„Egalaj estas ni!"*

# STRANGA FRAGMENTO

JOĈJO LONDON



*JOĈJO LONDON.*

*Publikigante tiun ĉi tradukon el la verkaro de JOĈJO LONDON, ni memorigas al niaj legantoj, ke ĉe SAT aperis la traduko de unu el la plej celtrafaj k belaj utopiaj romanoj de la majstra aŭtoro, „La Fera Kalkanumo". Ĉi tiu volumo 368-paĝa estas havebla ĉe la Administrejo de SAT en Lajpcig kontraŭ pago de 2.50 mk.g. (bindita eldono: 3,50 mk.g.).*

ONI rekonas la kapitaliston aŭ industrian oligarkon Roĝero Vandervater (Vanderwater), menciita en ĉi tiu historio, kiel la naŭan laŭ ranglinio el la Vandervater-a familio, kiu direktis la katunfabrikojn de la Sudaj ŝtatoj dum centoj da jaroj. Tiu ĉi Roĝero Vandervater vivis dum la lastaj jardekoj de la 26-a jarcento post Kristo, t.e. la kvina jarcento de la Terura Industria Oligarkio, kiu devenis el la ruinoj de l'antaŭirinta Respubliko.

Per interna evidento ni konvinkiĝas, ke la sekvanta historio estis unuafoje skribita dum la dudek-naŭa jarcento. Ĝis tiu periodo estis ne nur kontraŭleĝe skribi aŭ presigi tian materialon, sed la laborista klaso estis tiel malklera, ke nur tre malofte troviĝis laboristo, kiu scipovis legi aŭ skribi. Tiu periodo estis la periodo de la Malluma Regno de la Superulo, laŭ kies parolmaniero la plejmulto el la laboristaro estis nomata „brutaj bestoj". En tiu tempo ĉiaj scioj estis malebligataj k forigataj. El la tiamaj leĝolibroj ni citas la nigran leĝon, kiu punis per laŭleĝa mortigo tiun, el ajna klaso, pri kiu oni trovis, ke li instruis al iu ajn laborist-klasano la alfabeton. Tiuj severaj limigoj de l'edukado estis necesaj, por ke la mastra klaso povu daŭrigi sian regadon.

Unu rezulto el la supra estis la disvolvado de la profesia historirakontisto. Tiuj rakontistoj estis salajrataj de la oligarkio mem, k la koncernaj historioj estis legendaj, mitaj, romantikaj k, laŭ la laborista vidpunkto, negravaj. Sed la spirito de libero neniam tute formortis, k agitantoj, sub la ŝajno de rakontistoj, predikis ribelon al la sklava klaso.

La sekvanta historio estis malpermesata de la Oligarkio, k ni havas pruvon laŭ la protokolo de la kriminal-juĝejo en Aŝberi (Ashbury), ke, la 27-an de januaro en la jaro 2734, Johano Ĵurne (Journey), ĉar li komunikis tiun historion al grupo el laboristoj en trinkejo, estis kondamnata al kvin jaroj da punmalliberigo en la boraks-minejoj de la Arizona-dezerto.

Aŭskultu, miaj fratoj, k mi komunikos al vi rakonton pri brako. Ĝi estis la brako de Toĉjo Dikson, k Toĉjo Dikson estis teksisto unuagrada, en la teksejo de tiu infer-hundaĉo k mastro, Roĝero Vandervater. Tiu teksejo estis nomata „Malsupro de Infero", — de la sklavoj, kiuj laboregis en ĝi. Ĝi estis lokita en Kingsberi (Kingsbury), ĉe la alia flanko de la urbo, kontraŭ la Vandervater-a somerpalaco.

Ĉu vi ne scias, kie estas Kingsberi? Estas multaj aferoj, miaj fratoj, kiujn vi ne scias, k tio estas tre malĝojiga. Ĉar vi ne havas sciojn, tial vi restas sklavoj. Post komuniko de tiu ĉi historio mi ŝatus starigi inter vi kurson, por instrui la skribitajn k presitajn vortojn. Niaj mastroj skribas k legas, k posedas multajn librojn, k estas pro tio ke ili estas niaj mastroj k loĝas en palacoj, k ne faras laboron. Kiam la laboristoj lernos ambaŭ aferojn: legi k skribi — ĉiuj el ili — tiam ili fortiĝos. Tiam ili uzos sian forton por disrompi la katenojn, k de tiam ne plu estos mastroj aŭ sklavoj.

Kingsberi, miaj fratoj, estas en la ŝtato de Alabamo. Dum tri cent jaroj la Vandervater-oj posedis Kingsberi k ĝiajn sklavloĝejojn k fabrikojn en aliaj lokoj k ŝtatoj. Vi ofte aŭdis pri la Vandervater-oj — kiu ne? — sed mi informu vin pri io, kion vi ne scias. La unua Vandervater estis sklavo, — same kiel vi k mi. Li estis sklavo antaŭ pli ol tri cent jaroj. Lia patro estis maŝinisto en la sklavejo de Aleksandro Burel, k lia patrino estis lavistino en la sama sklavejo. Estas tute nenia dubo pri tio. Mi komunikas la veron. Ĝi estas historio vera. Ĝi estas presita, — ĉiuj vortoj — en la historilibroj de viaj mastroj, kiujn vi ne povas legi, ĉar viaj mastroj ne permesas, ke vi lernu legi. Vi komprenas, kial ili ne permesas, ke vi lernu legi, kiam en la libroj troviĝas tiaj informoj. Ili scias, k ili estas saĝaj. Se vi malkaŝe legus tiujn aferojn, eble mankus al la mastroj via respekto, k tio estas danĝera afero — por la mastroj. Sed mi scias, ĉar mi povas legi, k mi komunikas tion, kion mi legis, per miaj propraj okuloj, en la historilibroj de niaj mastroj.

La nomo de la unua Vandervater ne estis Vandervater, — sed Viĉjo Vange, la filo de Jergis Vange, la maŝinisto, k Laŭra Ka'nli (Carnly), la lavistino. Juna Viĉjo Vange estis fortulo. Eble, se li estus restinta kun la sklavoj, li estus kondukinta ilin al libero, — sed li servis la mastrojn k estis bone rekompencata. Li komencis siajn servojn kiel malgranda infano, kiel spiono en la hejm-sklavejo. Oni scias, ke li informis pri sia propra patro pro ribelaj elparoloj. Tio estas fakto. Mi legis ĝin proprokule, en la protokolo.

Li estis tro valora sklavo, por resti en la sklavejo. Aleksandro Burel lin elprenis estantan ankoraŭ infano, k instruis al li skribi k legi. Li estis instruata pri multaj aferoj, k poste li eniris la sekretan servon de la registaro. Kompreneble li ne plu portis la sklavovest-

on, escepte kiam alivestite li provis subaŭskulti la kaŝkomplotojn de la sklavoj. Estis li, tiam dekok-jarulo, kiu kaptis tiun heroon k kamaradon Ralfo Jakobus, kiu estis persekutata k ekzekutata en la elektra seĝo.

Kompreneble vi ĉiuj aŭdis la sanktan nomon de Ralfo Jakobus, sed estas novaĵo por vi, ke li pereis pro Vandervater — kies nomo vere estis Vange. Mi scias tion, ĉar mi legis ĝin en la libroj. Estas multaj similaj interesaj aferoj en la libroj.

Post la hontiga morto de Ralfo Jakobus la nomo de Viĉjo Vange havis multajn ŝanĝojn. Li koniĝis ĝis malproksime kiel „Ruza Vange". Li prosperis multe en la sekretpolica servo, li estis rekompencata grandioze, sed ankoraŭ li ne iĝis ano de la mastra klaso. La viroj volis tion, sed la virinoj rifuzis permesi, ke Ruza Vange iĝu unu el ilia klaso. Ruza Vange bone servis la mastrojn. Li mem iam estis sklavo, k bone sciis li la sklavajn manierojn. Oni ne povis trompi lin. En tiu tempo la sklavoj estis pli bravaj ol nuntempe, k ĉiam provis akiri la liberon. Sed Ruza Vange estis ĉie, super ĉiuj iliaj projektoj k planoj, nuligis la projektojn, k liveris la ribelgvidantojn al la elektra seĝo.

Estis en la jaro 2255, kiam lia nomo denove ŝanĝiĝis. Estis la jaro de la Granda Ribelo. En la regiono okcidente de la Roka Montaro dek sep milionoj da sklavoj kuraĝe provis supervenki la mastrojn. Kiu scias, ĉu, se ne estus veninta Ruza Vange, la ribelo ne estus sukcesinta? Sed Ruza Vange estis tre vigla. La mastroj nomis lin esti la plej supera komandanto. Dum ok monatoj de batalado estis forbuĉataj unu miliono tri cent kvindek miloj da sklavoj. Vange, Viĉjo Vange, Ruza Vange ilin forbuĉis, k disrompis la Grandan Ribelon, k tiom ruĝaj estis liaj manoj pro la sango de la sklavoj, ke depost tiam li estis nomata „Sanga Vange". Rimarku, miaj fratoj, kiaj interesaj sciigoj troviĝas en la libroj, kiam oni povas legi. Kaj, laŭ mia vorto, se vi studos kun mi, post unu jaro vi mem povos legi la librojn, — jes, eĉ post ses monatoj kelkaj el vi scipovos fari tion.

Sanga Vange vivis ĝis maljunaĝo, k ĉiam, ĝis la fino, estis intimulo de l'mastroj, — sed neniam li iĝis ano de tiu klaso. La unuan fojon li malfermis siajn okulojn en sklavejo, memoru. Sed ho! li estis bone rekompencata. Li havis dekduon da palacoj, en kiuj li loĝis laŭplaĉe. Li, kiu ne estis mastro, posedis milojn da sklavoj. Li havis plezurjaĥton sur la maro, kiu estis vera naĝanta palaco, k li posedis tutan insulon sur la maro, kie laboregis dekmiloj da sklavoj en liaj kafplantejoj. Sed dum sia maljunaĝo li estis tre senkunula, ĉar li loĝis sola, malamata de siaj eksfratoj, la sklavoj, malrespektata de tiuj, kiujn li servis, sed kiuj rifuzis lasi lin iĝi „mastro". Treege riĉa li mortis, sed multe turmentata de sia konscienco, bedaŭranta ĉion, kion li faris, k la ruĝan makulon sur sia nomo.

Ne estis tiel rilate liajn infanojn. Ili ne naskiĝis en sklavejo, k per speciala leĝo de la tiama ĉefoligarko Johano Morison ili estis altrangigataj ĝis la mastroklaso. Kaj de tiam, la nomo de Vange formalaperis el la paĝoj de la historio. Ĝi iĝis Vandervater, k Jason Vange, la filo de Sanga Vange, iĝis Jason Vandervater, la fondinto de la Vandervater-linio. Sed tio estis antaŭ tri cent jaroj, k la hodiaŭaj Vandervater-oj forgesis pri sia deveno, k imagas, ke iel la argilo de iliaj korpoj diferencas de la argilo en viaj korpoj, aŭ mia, aŭ la korpoj de ĉiuj sklavoj. Kaj mi petas vin pripensi, kiele sklavo fariĝas la mastro super alia sklavo, k kiele la filo de sklavo fariĝas la mastro super multaj sklavoj! Mi lasas tiujn ĉi demandojn, por ke vi trovu respondojn por vi mem; sed ne forgesu, ke komence la Vandervater-oj estis sklavoj.

Kaj nun, miaj fratoj, mi rekomencu la historion pri la brako de Toĉjo Dikson. La fabriko de Roĝero Vandervater en Kingsberi korekte nomiĝis „Malsupro de Infero", sed la sklavoj, kiuj laboregis tie, estis veraj homoj, kiel vi vidos. Virinoj laboregis tie ankaŭ, k infanoj — malgrandaj infanoj. Ĉiuj, kiuj laboris tie, havis justajn sklavorajtojn laŭ la leĝo, — sed nur laŭ la leĝo, — ĉar ili estis prirabataj je tiuj rajtoj de la du fabrik-submastroj Jozefo Klane (Claney) k Adolfo Munster.

Estas longa historio, sed mi ne komunikos ĉion al vi. Mi rakontos nur pri la brako. Okazis, ke, laŭ la leĝo, porcio de la malsateca salajro de la sklavoj estis deprenata ĉiumonate k transmetata en kason. Tiu ĉi kaso ekzistis por helpi tiajn malbonŝancajn laboristojn-kunulojn, kiuj okaze estis trafataj de akcidentoj aŭ malsanoj. Kiel vi scias, ĉi tiu kaso estis en la manoj de la submastroj. Tio estis la leĝo, k tiel okazis, ke la kaso en „Malsupro de Infero" estis kontrolata de la du submastroj malbene memorataj.

Nun, Klane k Munster uzis ĉi tiun kason por sia propra profito. Kiam okazis akcidentoj al la laboristoj, iliaj kunuloj, kiel kutime, aljuĝis monsumojn el la kaso, sed la submastroj rifuzis elpagi tiujn sumojn. Kion povis fari la sklavoj? Ili havis rajtojn — laŭ la leĝo, — sed ili ne povis atingi la leĝejon. Kiu plendis, tiun la submastroj punis. Vi mem scias la formojn, kiujn la puno havas: monpuno pro difekta laboraĵo, kiam troviĝas tute nenia difekto; la tromulta kalkulo en la konto ĉe la kompania magazeno, la fitraktado al viaj edzinoj k geinfanoj, k la malbone funkciantaj maŝinoj, per kiuj oni malsatas, eĉ laborante tiel penege, kiel eble.

Iam la sklavoj de „Malsupro de Infero" protestis ĉe Vandervater. Estis dum la parto de la jaro, kiun li pasigis en Kingsberi. Unu el la sklavoj scipovis skribi: Okazis, ke lia patrino scipovis skribi, k kaŝe ŝi instruis lin, same kiel ŝia patrino antaŭe kaŝe instruis ŝin. Nu, tiu ĉi sklavo verkis protestnoton, en kiu estis skribitaj ĉiuj plendoj, k la sklavoj subskribis ĝin per krucosigno. Kaj korekte afrankite la protestnoto estis sendata al Roĝero Vandervater. Sed Roĝero Vandervater faris nenion, escepte transdoni la noton al la du submastroj. Klane k Munster ekkoleris. Tiunokte, la gvardianoj eniris la sklavejon, armitaj per manteniloj de pikfosiloj. Oni diris, ke la proksiman tagon nur duono el la sklavoj kapablis iri laborejon. Ili estis tute bategitaj. La sklavo, kiu sciis skribi, estis tiom batita, ke li vivis nur ankoraŭ tri monatojn. Sed antaŭ ol li mortis, li skribis alian plian fojon; por kiu celo, vi aŭdos.

Kvar aŭ kvin semajnojn poste, ĉe Toĉjo Dikson, iu sklavo, la brako estis eltirita de maŝinrimeno. Liaj kunuloj, kiel kutime, faris mondonacon el la kaso, k Klane k Munster, kiel kutime, rifuzis pagi ĝin. La sklavo, kiu sciis skribi, k kiu eĉ tiam estis mortanta, verkis denove liston de la plendoj. Kaj tiun ĉi dokumenton oni metis en la manon de la brako, eltirita el la korpo de Toĉjo Dikson.

Nun okazis, ke Roĝero Vandervater kuŝis malsana en sia palaco en Kingsberi, ne pro iu el la gravaj malsanoj, kiuj kuŝigas vin k min, fratoj; estis nur iom da galmalsano aŭ eble kapdoloro kaŭzita de troa manĝado aŭ tro intensa drinkado. Sed sufiĉis por li, ĉar pro zorga elnutrado li estis malforta k molkorpa. Tiaj personoj, kiuj pasigas la vivon enpakite en vato, ĉiam estas malfortaj k molkorpaj. Kredu min, fratoj, Roĝero

Vandervater sentis sin tiom malsana pro sia kapdoloro — aŭ imagis tion — kiom Toĉjo Dikson pro sia brako eltirita elde la radiko.

Okazis, ke Roĝero Vandervater havis emon al scienca farmado, k ke sur sia farmo li sukcesis bredi novan specon de frago. Li tre fieris pri tiu ĉi nova frago, k tre volis kolekti la unuajn maturajn fruktojn, sed ne povis pro la malsano. Tial li ordonis al la maljuna farmsklavo, alporti persone la unuan korbon da fragoj. Tiun ĉi novaĵon oni eksciis per la babilado de iu palaca servutulo, kiu dormis ĉiunokte en la sklavejo. La submastro de la fragplantejo devus alporti la fragojn, sed li kuŝis kun rompita kruro, pro tio ke li provis eduki ĉevalidon. La servutulo informis pri tio dum la nokto, k oni sciis, ke la proksiman tagon la fragoj estus enportataj. Kaj la viroj de la sklavejo en „Malsupro de Infero", veraj viroj k ne malbravuloj, okazigis konsilkunsidon.

La sklavo, kiu scipovis skribi, k kiu malsanis k eĉ nun iom post iom estis mortanta pro la batado, diris, ke li enportos la brakon de Toĉjo Dikson; ankaŭ li diris, ke li ĉiuokaze devas morti, k ne gravas al li, ĉu la morto venos malfrue aŭ pli frue. Do, kvin sklavoj ŝtele eliris la sklavejon en tiu nokto, post kiam la gvardianoj faris sian lastan deĵoron.

Unu el la sklavoj estis tiu, kiu scipovis skribi. Ili kuŝis en la vegetaĵo apud la voj-flanko ĝis la malfrua mateno, kiam la maljuna farmsklavo venis rajde al la urbo kun la valora frukto por la mastro.

La farmsklavo estis maljuna k reŭmatismema, la sklavo rigida k vundita pro la batado. Do, ili movis siajn korpojn sammaniere. La skribipova sklavo vestiĝis per la vestoj de la alia, tiris la larĝrandan ĉapelon ĝis la okuloj, grimpis en la veturilan sidlokon k veturis al la urbo. La farmsklavo restis ligita la tutan tagon en la arbetaro, k vespere oni liberigis lin. La sklavoj reirante la sklavejon estis punataj, ĉar ili troviĝis ekster siaj limoj.

Dume, Roĝero Vandervater kuŝis, atendante la fragojn, en sia miriga litoĉambro. Tiaj komfortoj k mirindaĵoj estis tie, ke ni, kiuj neniam vidis tiajn aĵojn, blindiĝus. La sklavo, kiu scipovis skribi, diris poste, ke estis kvazaŭ ekvido al Paradizo. Kaj kial ne? La laboro k vivoj de dekmiloj da sklavoj eluziĝis por fabriki tiun litĉambron, dum ili mem dormis en kvazaŭ-bestejoj. La skribipova sklavo enportis la fragojn sur arĝenta pleto, ĉar Roĝero Vandervater volis persone intervjui lin pri la fragoj.

La sklavo ŝancelirante trenis sian mortantan korpon tra la mirinda ĉambro k genuis apud la sofo de Vandervater, eltenante la pleton. Grandaj verdaj folioj kovris la pletokovrilon k la lakeo forprenis ĉi tiun, por ke Vandervater vidu ĉion. Kaj Vandervater, kuŝante apogata sur sia kubuto, vidis. Li vidis la freŝan mirindan fruktaron metitan tie, kiel valoraj juveloj, k en la mezo de ĉio, la brako de Toĉjo Dikson restis tiel, kiel ĝi estis eltirita el lia korpo. Bone purigita, miaj fratoj, sed tre blanka kontraŭ la sanga ruĝo de la fruktoj. Kaj ankaŭ li vidis, tenata en la rigidaj mortintaj fingroj, la petskribon de la sklavoj, kiuj laboregis en „Malsupro de Infero".

„Prenu k legu", diris la sklavo. Kaj ankoraŭ dum la mastro prenis la petskribon, la lakeo, kiu ĝis tiu momento staris senmove pro surprizo, batis sur la buŝon, per la pugno, la genuantan sklavon. Ĉiuokaze, li estis mortanta k estis tre malforta, k tial tio ne ĝenis lin. Li faris nenian sonon, k falinte sur la flankon, li kuŝis tie senmova, dum li sangis el la buŝo. La kuracisto, kiu dume estis elkurinta, por trovi la gvardianojn, nun revenis akompanate de ili, k la sklavo estis trene starigata. Sed dum li estis levata, li rekaptis la brakon de kie ĝi estis falinta sur la plankon.




„Li estos ĵetata al la sovaĝaj hundoj," la lakeo kriegis, kolerege. „Li estos vivante ĵetata al la sovaĝaj hundoj."

Sed Roĝero Vandervater, forgesinte sian kapdoloron, ankoraŭ estis klinita sur la kubuton. Ordonante silenton li daŭrigis legi la petskribaĵon. Kaj dum li legis, regis silento, k ĉiuj staris rekte, — la kolera lakeo, la kuracisto, la palac-gvardianoj, k en la mezo, sangante el la buŝo, k ankoraŭ tenante la brakon, staris la sklavo. Kaj kiam Roĝero Vandervater finis, li turnis sin al la sklavo k diris: „Se sur tiu ĉi papero troviĝas eĉ unu mensogo, mi bedaŭras vin, ke iam vi naskiĝis."

Kaj la sklavo respondis: „Mi bedaŭris dum mia tuta vivo, ke iam mi naskiĝis." Roĝero Vandervater rigardis lin fikse, k la sklavo aldiris: „Vi jam faris vian plej malbonan por mi. Mi estas mortanta nun. Post unu semajno mi estos mortinta, k tial ne gravas, ĉu vi mortigas min nun."

„Kion vi intencas fari kun tio?" la mastro demandis, fingromontrante al la brako, k la sklavo respondis:

„Mi prenos ĝin reen al la sklavejo, por enterigo. Toĉjo Dikson estis mia amiko. Ni laboris ĉe najbaraj teksiloj."

Nenio restas plu el mia historio, fratoj. La sklavon k la brakon oni resendis al la sklavejo, k neniu sklavo estis punata pro la afero. Verdire, Roĝero Vandervater starigis enketon k punis la du submastrojn Jozefo Klane k Adolfo Munster. Iliaj libertempoj estis forprenataj. Ili brulmarkiĝis sur la frunto, oni fortranĉis iliajn dekstrajn manojn, k ili estis forpelataj k vagadis k almozpetis, ĝis ili mortis. Kaj la kaso estis honeste

administrata dum iom da tempo, — sed nur iom da tempo, miaj fratoj. Post Roĝero Vandervater estris lia filo Alberto, kiu estis kruela mastro, k duone freneza.

Fratoj, tiu sklavo, kiu enportis la brakon al la mastro, estis mia patro. Li estis bravulo. Kaj kiel lia patrino instruis lin skribi, tiel li instruis min. Ĉar li mortis baldaŭ poste pro la mantenila batado, Roĝero Vandervater elprenigis min el la sklavejo k provis plibonigi mian pozicion. Mi havis la ŝancon esti submastro en „Malsupro de Infero", sed mi elektis esti historirakontisto, vaganta ĉien tra la lando, k atinganta miajn fratojn-sklavojn. Kaj mi rakontas tiujn ĉi historiojn kaŝe, sciante ke vi ne perfidos min. Vi scias, ke se vi farus tion kontraŭ mi, mia lango estus elŝirata, k mi ne plu rakontus da ili al vi. Kaj mia anonco estas, fratoj, ke bona tempo nepre venos, kiam tra la tuta mondo ĉio bonstatos, k ekzistos nek mastroj nek sklavoj. Sed nune, vi devas mem prepari tiun estonton lernante skribi. Estas potenco en la presita vorto. Kaj jen mi estas preta por instrui al vi legadon, k aliaj staras pretaj por doni al vi la librojn, kiam mi forpasos sur mia vojo — la histori-librojn, per kiuj vi lernos pri viaj mastroj k lernos iĝi tiel fortaj kiel ili.

[*Noto:* Elprenita el „Historiaj Fragmentoj k Skizoj", unue eldonitaj en kvindek volumoj, dum la jaro 4427, k nuntempe, post du cent jaroj, pro sia precizo k historia valoro redaktataj k reeldonataj de la Nacia Komitato por Historia Esplorado.]

*Tradukis el la angla L. B., Leeds.*

---

# OMBROJ EKVIVAS

DAVID DAMBE.

Niaj legantoj memoras esti farintaj sian konatiĝon kun *Klejnboj,* la elturniĝema negra bubo el Sudafriko, en la unua kajero de l'nuna jarkolekto. En la rakonto „Ombroj ekvivas" la aŭtoro-SAT-ano daŭrigas priskribi la aventurojn de l'junulo k konatigas nin samtempe kun moroj, vivkondiĉoj k ribelsentoj de l'sudafrika loĝantaro. — *Red.*

„KUNIKLO sin sentas feliĉa en la libera kampo, sed estas pli sekura ĉe la kavaĵoj inter rokaro," diris Klejnboj responde al avertoj de siaj amikoj, ne reiri urbon.

Kaj Klejnboj ja konis la rifuĝejojn, ankaŭ la kaptilojn de la granda urbo, kiun li nun vizitis la duan fojon: ĉar iam li servis la blankan mastron en lia fortikaĵo. Tempo forviŝis la efikojn de la malagrablaĵoj, kiujn la urba vivo provizis al multpacienca indiĝeno, k la kampara medio ne rekompencis pro la mankantaj avantaĝoj; la allogoj de la urbo estis tro fortaj, spite ties maltrankviloj k ĝenoj, k li decidis forlasi la „kraal"[1]-on por ĉiam.

Kaj nun li vagis tra la stratoj k malnovaj vidsignoj memorigis lin jen pri ia, jen pri alia okazaĵo lin trafinta antaŭ kelkiom da jaroj. Li preterpasis la urbĝardenon k, kun la espero ekvidi iaman konatinon, lia rigardo penetris tra la fera palisaro al spaco, kie provizita por ili, aro da artifikplenaj, senskrupulaj k parole naŭzigaj negraj vartistinoj libere instruis siajn zorgatojn, la idojn de la mastra raso, en terminaro, kia estus ŝokinta la antikvan Hiobon k tre baldaŭ reagos bonefike sur ilin mem. Li ne eniros, ĉar la unuan fojon — k la lastan — kiam li tion faris, la ekvoko: „Hej, kafro!", lin haltigis k, kiam li estis preskaŭ ĉe la transa fino, li estis reirigata al la enirejo per la gestoj k malinvitemaj ekkrioj de skandaligita urboficisto. Tiutempe Klejnboj apenaŭ komprenis la sciindan lecionon, kiun la blankulo volis transigi al li — bate montrante per vergo al tabuleto, kiu dekoraciis kolonon ĉe la ĉefa enirejo k estis metita tien de senhontaj homoj por la atento de blankuloj, kiujn ĝi ne koncernis, k negroj, kiuj ne povis legi:

URBĜARDENO
(Por civitanoj)
Nenia trairejo

Ĝian plenan signifon la analfabeta Klejnboj, kiu, kiel ceteraj liaj samrasanoj k koloruloj, ankoraŭ ne atingis la dignan rangon de civitaneco, nur post longa tempo eltrovis.

Eĉ pli kompreniga pri tio, kion li *ne* devis fari — li rememoris — estis la traktado, kiun li ricevis de tramisto. Ĉi tiu per puŝbato kuŝigis lin sur la pavimon, en tia ne malkutima maniero klarigante al Klejnboj, ke tramoj ne ekzistas por tiuj, kiuj „sufiĉe sanas por piediri!"

Sed baldaŭ malaperis la doloraj pensoj k li antaŭenpaŝegis senzorge k facilkore. Jen li preterpasis butikon k li ne kredis siajn proprajn okulojn: „Indiĝena tajloro!" k apude: „Indiĝena botisto!" Klejnboj cerbumadas por certiĝi, ĉu liaj samrasanoj iam sin okupis per tiaj ekskluzive blankulaj profesioj k tute ne povis klarigi tian fenomenon. Tuj li decidis, ke li ne plu vestiĝos per malnovaj vestaĵoj ĉe maljuna trompema juda butikisto, sed havigos por si novajn vestaĵojn en plena kompleto laŭ sia propra mezuro; liaj botoj, de nun, estos riparataj de samrasano. Li rimarkis aŭtomobilon k — mirindaĵo! — ĝi estas veturigata de indiĝeno, k emociita pro miro k entuziasmo en lia cerbo ekturniĝis ideoj pri tio, kion li povus kiel eble plej baldaŭ ekkapti por mem partopreni en tiu ĉi nova ordo.

Vagante tra de li ofte vizitita strato li estis altirata de grupiĝinta amaso k tro malfrue li eksciis la kaŭzon de tio. Etendita bastonon tenanta mano baris al li la vojon k li estis direktata al loko, kie bone konata figuro en uniformo ekzamenis la pasportojn de la haltigitaj indiĝenoj. Ekrigardo al la pasporto sufiĉis por montri, ke Klejnboj malatentis pagi imposton por la kuranta jaro, k li estis senceremonie ŝovata al grupo — proksimume nombranta nun kvindekon — el aliaj kulpuloj.

Klejnboj ne konsterniĝis pri la situacio, sciante, ke ne longe li estos malliberigata. Li ricevos la ŝancon havigi al si laboron; la polico fidas, ke la dunganto zorgos, ke li ne evitu pagi imposton. Nur la akiro de novaj vestaĵoj devos esti prokrastata. Freŝa k fortika pro la serena k paciga medio kampara, li restis preskaŭ la sola inter la arestitoj neĝenata k eĉ permesis al si petoli kun apudstarantaj rigardantoj:

„Bonan tagon, fratineto!" li signife turnis sin, per patrona voĉo, al tre korpulenta kolorulino.

[1] Indiĝena vilaĝo aŭ kabanaro, ankaŭ brutara enfermejo.




Forigu la pasportojn!
(Indiĝenlingva afiŝo)

„Voet-*se*-ek!“ [2] tiu indigne reĵetis la proponon k retiriĝis kelkajn paŝojn malantaŭen.

Negra detektivo indulge tuŝis lin per bastono k baldaŭ la amaso ekmoviĝis tra la stratoj kvazaŭ aro da brutoj, postrigardata en plena mirego de mikskolora infanaro. La kolorrasaj k indiĝenaj plenkreskuloj en la distrikto rezervis siajn opiniojn pri la anoj de malestimata institucio, ĝis tiuj estis jam for je konvena distanco.

Maldaŭra ŝanĝo en la medio provizis por Klejnboj monotonan dieton en formo de maizfaruna kaĉo kun akvo — kio cetere ne multe lin ĝenis: li jam kutimiĝis al tia speco en pluraj okazoj, kiam li devis servi al avaraj dungantoj.

Kelkajn tagojn post sia liberiĝo el la senpera ŝtatkontrolo li ricevis laboron k la proksiman dimanĉon ekvizitis iun lokon, kiu lin ne por unufoje allogis.

La korto estis unu el multaj similaj lokitaj en la industriaj k komercprovizejaj kvartaloj k servis — en la komenco de l'mondo — kiel *provizoraj* loĝejoj por la plebanaj urbanoj, kiuj ankoraŭ ne ĝuadis la profitojn donacitajn el malabunda buĝeto de aroganta k konservativa urbestraro.

Kabanoj senfenestraj, konstruitaj el rusta ferlado, sakpecoj k kaduka lignaĵo flankis la korton. Pezaj ŝtonoj premtenis la kribrajn tegmentaĵojn k aldonis plian sekuron kontraŭ rigora vetero. Kiacele tiuj ĉi konstruoj estis dekomence starigitaj, estus malfacile diveni; sed multaj signoj interne de la muroj k ekstere sur la korto evidente atestis, ke *homo sapiens* ne estas la sola zoologia speco, kiu nun heredis iajn ajn avantaĝojn, kiujn tiu ĉi ŝirmejo povus doni.

Prikonsiderante la tuton, oni povas akiri la konvinkon, ke la loĝantoj de tiuj kvartaloj devas senti ian fieron, tial ke ili tiel, iagrade, respondas pri la ekzisto de io, kio estas universale rekonita kiel unu el la kontramarkoj de ĉiu civilizita urbo.

„Ruĝa Korto“ ĝi estas nomita inter iuj, sed tiuj, kiuj tre ofte ĝin vizitis, aludis pri ĝi kiel „Regno de Debora.“ Kaj Debora, multjara, ankoraŭ beletforma virino el Tkoza gento,[3] bone meritis la honoron. Kvankam el siaj multaj laŭroj — akiritaj en severa dumviva batalado kontraŭ la leĝoj k konvencioj de la blankulo — ŝi preferus publikigi nur du, nome ke ŝia „blanka edzo foriris k malaperis en la Granda Milito“ k ke ŝia „filino Janeta iam plezurigis la karnon de respektinda blanka komizaro.“

Per fera vergo Debora kontrolis, pro la interesoj de la kortanoj, sian regnon, k oni diris, ke neniu blanka virino, krom, eble, la maltimema k spektaklema Ada Koral el la loka revolucia partio, iam kuraĝis viziti ĝin; eĉ la gardistoj de ĉio, kio estas orda k ordonita, aŭdacis invadi la „Ruĝan Korton“ nur *multn*ombre.

Kvankam estis ankoraŭ frumatene, la loko pulsis pro vivo. La vizitintoj, kiuj, stimulitaj de abomena speco de likvaĵo, trapasis tumultege la antaŭan nokton, jam forlasis ĝin antaŭ ol tagiĝis, k preparoj estis farataj por la klientoj de la tago. Ĉe diversaj punktoj en la korto, fajrokorboj, ĉe kies varmo multaj el la kortanoj preparos la tagmanĝojn, elsputis ĉiuflanken brunajn fumojn, kiuj kuniĝis iom alte super la tereno kun aliaj el apudaj kortoj por formi densan nebulon super la distrikto. Infanoj malpuraj, nudaj k duonvestitaj — k tiel laŭ ĉiu verŝajno restantaj dum la tuta tago — per granda sortimento da sonoj anstataŭigis la plumhavajn kantantojn, kiuj inklinis bonvenigi la matenon en pli plaĉaj medioj. El ie aŭdiĝis la subigitaj tonoj de harmoniumo senŝanĝe ludanta „Jesuo, Amanto de mia Animo“, k konkuranta kontraŭ ĝi, gramofono — eble la plej valora objekto en la proksima ĉirkaŭaĵo k akirita de sia posedanto per doloriga sperto k multa kosto — elverŝis en la aeron la sentimentalajn melodiojn de nigra popolo el norda lando.

Debora bone rememoris pri Klejnboj kiel riĉiga fonto de enspezo k iama peranto en ŝiaj rilatoj kun la kontraŭleĝaj blankaj alkoholvendistoj. Ŝi bonvenigis lin en la serena k senparada maniero, per kiu la indiĝeno tiom distingiĝas, k asignis al li lokon inter la aliaj jam atendantaj gastoj.

„Iom vi atendu, miaj karuloj! Ankoraŭ la ‚muŝoj‘ ĉe ni ne zumis ĉi-semajne k hodiaŭ ili certe venos!“ Debora fidoplene ekdiris al siaj klientoj. Kaj forrapidante: „Estas Sinjora Tago k Liaj servistoj havas multon por fari!“

La sakrilegia komparo pri solena festado en la ejoj de la „sinjoro“ k la aparte malkvietiga aktiveco — kiu por iuj ofte finiĝis inter la muroj de policejo — sur la stratoj dum la sankta tago, estis laŭde aprobata de l'admiranta klientaro. Tute fidante al profetaj ecoj de la Reĝino de la Ruĝa Korto la malpli paciencaj tamen elmontris malŝaton pri la prokrasto de atendata regalo k esprimis malplaĉegan opinion pri la blankularo ĝenerale k ties sekcio aludita de Debora per la nomo de la plej turmentema k ĉie-esta specimeno el la ordo de dipteroj, aparte.

Tamen tono de sinregemo k trankvilo markis la konversacion.

„Aj,[4] la blankuloj — ‚imbi‘,[5] fratoj!“ iu emfazis kun tiom da abomeno, kiom li povis disponi.

„Ekskrementaĵo!“

[2] *Futsek:* de duba etimologia origino — forpelvorto unue precizigita por la plej fidela amiko de homo.

[3] Tkoza = unu el la sudafrikaj indiĝenaj gentoj.

[4] Interjekcio de emfaza negativo aŭ mirego.

[5] Esprimoplena vorto — „fia“, „aĉa“, „malbona“.

„Hundoj!“

„Estas ankaŭ iuj el ili bonaj — tion mi scias!“

Tiu ĉi kontraŭa opinio al la ĝenerala juĝo estigis doloran surprizon sur ĉies vizaĝo.

„Hundoj — Jeremio scias nenion!“ insistis la antaŭa parolinto.

„Estas — bonaj!“ malcedis Jeremio. „Multaj el ili estas niaj amikoj!“

„Klerikoj? — kiuj kantas kantojn k rondiras monkolekti! A-aĥ! [6]“

„T-u-t-e ne tiuj! Estas aliaj, kiuj nin deziras helpi!“

„Kial ili deziras nin helpi, kial?“

„Ili deziras monon!“ moke certigis alia la ĉeestantaron.

„Ili deziras monon!“ estis la ĝenerala konfirmo.

Jeremio energie reĵetis la sugeston pri la monavidaj emoj de siaj protektatoj k antaŭmetis sian propran klarigon:

„Ili deziras nin helpi — ĉar ili estas bonaj. Ĉiu deziras monon. La blankuloj enkondukis multajn bonaĵojn inter ni. Iuj nin helpas k instruas, kiel plibonigi niajn aferojn. Mi scias pri multaj, kiuj estas kontraŭ la registaro k kiuj eĉ partoprenos en la pasport-bruligadoj k manifestacio dum Dingantago[7].“

Sed estis neplugita grundo k la vojo irata de la apostolo de interrasa amikeco estis malfacila k teda.

„La pasportojn ankaŭ enkondukis la blankulo k la kapimposton!“

„Kaj se ni forbruligos la pasportojn — kiuj pagos la monpunon? Ĉu ili?“

„Ni ne bezonas helpon aŭ akcepti ion de blankuloj!“

Ĝi estus alportinta malesperon al pli fortika pioniro, sed Jeremio firme persistis:

„Ni lernas multon ĉe ili. La pasportojn ni forigos k baldaŭ ankaŭ la impostadon! Kaj tiuj, pri kiuj mi parolas, helpos nin akiri pli da salajromono. Ni akceptis multon de ili — eĉ ilian dion. Kaj ci —“ li turnis sin petole al sia ĉefa kontraŭulo — „kiajn antaŭnomojn ci havas? — S-t-e-n-l-i L-i-v-i-n-g-s-t-o-n! Plena blankulaĵo!“

Stenli ignoris la riproĉon ĵetitan sur donacon de ambicia patrino, eks-studentino de misia lernejo, sed pensis, ke li bone povis disputi la originan posedrajton pri multe spekulativita diaĵo.

„Kiel *ilia* dio? En butiko de hinda tajloro mi vidis bildon de dipatrino k ŝia filo k ili estis negraj!“

Al tiu ĉi argumento, bazita sur novspeca kolorinterpreto de fama temo enkondukita por adorado de lokaj fervoruloj per la kuna penado de materiala k spirita institucioj, ne estis facile respondi, sed fine la necedema Jeremio komentis la teologian mirindaĵon laŭ maniero tre proksima al la vero.

„Estas blankula faraĵo: oni pentris tian bildon samkiel oni tradukis la biblion en niajn lingvojn. Mi mem opinias, ke ĝi valoras tiom, kiom la pasporto aŭ la kapimposto, sed utilaj favoraĵoj de iuj ajn ne estas malbezonaj!“

Rediris Stenli Livingston:

„La blankulojn ni ne bezonas; nek iliajn favoraĵojn! Ĉion ni aranĝos mem. Jam ni veturigas aŭtomobilojn, faras vestaĵojn k spertiĝas pri multaj okupoj.“

„Vere, sed ĉu ni povas *fari* aŭtomobilon, aŭ kudromaŝinon, aŭ gramofonon, aŭ — ?“

„Ĉion ni aĉetos — interŝanĝos!“

„Kien — al kiu?“

Klara respondo al tiu ĉi logika demando neniam estis liverata, ĉar la „ekonomiisto“ prudente retiriĝis ĉe favora interrompo de alia ĉeestanto.

„La blankuloj? . . . ni elpelos ilin! Ni nigraj homoj estas jam egalaj al blankaj homoj!“

Jeremio serioze k konvinke kapskuis:

„Nigraj homoj? A-aj! Ĉiam la blankulo superegos ilin — ĉiam!“

„Jen abomena afero: negro defendas la blankulaĉon!“ Stenli tremis pro konsterno k riproĉe aldiris: „Jeremio estas gazetvendisto k kiuj estas liaj klientoj, se ne la blankuloj? Krom kriegaĉi ĉe stratanguloj, „Matena Kuriero!“ k „Vespera Stelo!“ li nenion scias! Ankoraŭ mi ne renkontis bonan blankulon! Ĉu iu el vi? . . .“

Klejnboj, kiu estis tute subigita pro la nekutima karaktero de la diskutado, sentis la plej-forton de demanda rigardego k singardeme murmuris:

„Mi pensas . . . eble . . . devas esti bonuloj inter ili . . . kion — ?“

„Ci estas sangumita stultulo — jen kion!“ senkompate asertis la nekompromisulo.

Delikata situacio estis malhelpata disvolviĝi ĝis malagrablaj rezultoj pro bruo k ĝenerala konfuziĝo en la korto: la antaŭsentoj de Debora realiĝis, kiam aro da blankaj k negraj servistoj de la leĝo, dum ioma tempo, invadis ĉiun angulon k niĉon.

Spertoplena k rapida estis la laboro de la serĉantoj k baldaŭ ĉio, kio povis kaŝkovri la serĉaĵon, estis esplorita; tertruoj, lerte kaŝitaj, estis lokalizataj per neerarema precizo; ĉiu objekto — malviva k viva — estis skrupule k aliel ekzamenata k, post farita devo, ili kun malpurigitaj vestaĵoj k rikanaj vizaĝoj, pro nura petolemo, bruе sondis la murojn k renversis la fajrokorbojn sur la cindrujoj.

Ja bone konis Debora la kondiĉojn postulantaj omaĝon al la reprezentantoj de juĝa administracio k ofendiĝis pri la transpaso de limoj en ilia devo. El riĉa leksikono de fivortoj, kiu famigis ŝian genton tra la lando, ŝi zorge elektis tiajn, kiujn ŝi opiniis taŭgaj por la okazo k por digne fini elokventan buŝbatalon, sendis kelkajn parolperlojn por eskorti la forirantajn invadistojn:

„I-iru, vi — patrina fekaĵo! . . . Vostaĉoj de serpentoj! I-iru!“

Ne necesis plu atendi, k laŭ ordono de Debora korbego da laktboteloj, kiu ĝis nun okupis nesuspektindan pozicion ekster la korto, estis enportata kun

[6] Interjekcio de abomeno aŭ malestimo.

[7] Festotago de la blankularo je la 16-a de decembro, rememoriganta la venkon de blankuloj super la Zulua ĉefo Dingan antaŭ proksimume 90 jaroj.

granda ceremonio. Estis nova elpensaĵo k ankoraŭ la klientoj pri ĝi ne perfidis: la travideblaj laktoboteloj estis pentritaj interne per blanka koloraĵo por maske enhavi la valoregan likvaĵon. El ie, kvazaŭ mirakle, aperis pli grandaj kvantoj da ebriigaĵoj — se ne tiom multekostaj, almenaŭ tiomgrade umitaj per malsobrigaj ecoj, k la prokrastita festo de la tago komenciĝis.

Lia kredito estis solida k Klejnboj ĝuis el la menuo ĝis pli granda mezuro, ol lia trezorejo permesis. En la tagfino li ekiris hejmen. La gramofono ankoraŭ amuzis sian muzikeman aŭdantaron k trafokaze ekludis *Nkosi sikelel' i Afrika!*.[8] Stenli, kiu sekvis, severe admonis:

[8] „Dio benu Afrikon!" Himno nun ĝenerale akceptita de la indiĝenaj popoloj en Sudafriko.

„Jen — propra himno estas ludata k vi restas kun ĉapeloj sur kapoj!"

La kulpuloj pie k rapide korektis la eraron kontraŭ la plej lasta aldonaĵo al la fasko da patriotaj arioj k Stenli aŭtokrate helpis al letargia Klejnboj forigi la ofendan artikolon.

Klejnboj vagis tra la mallumiĝintaj stratoj k ĉe punkto, kie li kredis rekoni familiaran objekton, adoptis horizontalan pozicion k ekdormis.

Du junaj kuirej-servistoj, post vana penado per la libera k malavara apliko de kvar paroj da membroj ekkonsciigi la dormanton, prudente k filantrope forŝovis lin tra la pordo de apuda korto — sekura kontraŭ la insidaj danĝeroj de la nokto.

*Finota.*

---

# Cigarskatoleto

*Edvardo Bagricki*

*ĜIS neto fumita cigarskatolet',*
*Restaĵoj sub lamp' difektita.*
*Li gast' k mi mastro. Kaj en angulet'*
*Veturas boato — lito . . .*

*— Sufiĉas! Alia por ni estas voj',*
*Alia kutimo k kanto!*
*Sed gast' ne leviĝas. Ne volas en foj';*
*Per fingroj, pli puraj ol ost' elefanta,*
*Turmentas k turnas li ganton . . .*
*Centjara bastono de nobla rang',*
*Centjara cilindr' eleganta — je plank',*
*Hartuf' movetanta k pleje, —*
*El ĉerko, aŭ de l'cigara kovril',*
*Sin ĵetis fotelon[1] el plekta koril'[2],*
*La ganton turnanta — Rijlejev . . .*

*— Vi nia por ĉiam! Ni ĉie kun vi,*
*Rigardu!*
*Kaj jen:*
*Kiel ĝis diluvi'*
*Ĝardeno taŭzegis per ostoj,*
*En nokton ostaron eklevis ĝarden'*
*Kaj flustris pri io, kiel faden'*
*De telegrafo en frosto . . .*

*— Ni estu amikoj — nek sklavo, nek estr'!*
*El lag', al saliko premita,*
*El ribo ekgrimpas al blua fenestr'*
*Kaĥovski, en kasko milita . . .*
*Leŭtenant'. Disŝiras li branĉojn per brust',*
*Deliras pri murd' k patrujo,*
*Kaj rana piedo de riboarbust'*
*Gluita al leda portujo . . .*
*Vi ombroj de lampo!*
*Vi tremo de pin',*
*Vi trem' sub timemaj steletoj . . .*
*Sed via parolo ne trompas min,*
*Portret' el cigarskatoleto . . .*
*Elŝaltas[3] mi lumon — fantomoj for!*
*Sur vitrojn de kadroj tiliaj*
*Moviĝis la nokt' kun blazono el or',*
*La Nokto de Tria filio . . .*

[1] Apogseĝo.
[2] Botanika nomo de *avelujo.*
[3] Malfunkciigi (kurenton), estingi (lumon).



*Kaj tiam kvin pinoj alvenas el nokt';*
*Reliefas la kvin pendumiloj,*
*Kaj fluas laŭ maŝo de ĉiu el blok'*
*Ŝimaĵ' nigreblua k brila . . .*
*Pordeton puŝegas kuraĝa vent',*
*Senhejma k ĉiam murmura, —*
*Kaj branĉ' kontraŭ mi k mia tegment'*
*Eksvingas, kiel vipo tortura . . .*
*Fenestroflugiloj frapiĝas en mur',*
*Kaj grincas ĉarniroj rustantaj.*
*Kaj ŝajnas elkri':*
*— La roto — al tur'! —*
*Elkri' de kaŝitaj en nokt' komandantoj . . .*
*Mi kuras tra fronto, senfina la front'*
*En stepon, arbaron mallaŭtan . . .*
*. . . Kaj volas viandon ĉiu baston',*
*Kaj ĉiu bastono dancegas sur haŭto . . .*
*Ekbatas en fel' de azen' tamburist'*
*(ĉu raŭkas fenestrokovriloj?) . . .*
*Kaj nokt', kiel fajfo de l'ekzekutist',*
*Kiel Tria filio,*
*Kiel pinobalanc', kiel hurlo de vent' . . .*
*Sed jen returniĝas ŝaltil' en moment'.*
*En senmalutila bluaĵo la kadr',*
*Restaĵoj sub lamp' difektita.*
*Kaj en angulet', kie forno kun ard',*
*Per velo eniras la lito . . .*
*Kaj mi proksimiĝas en bona minut'*
*Al lito, naĝanta en suno:*
*— Leviĝu, Vsevolod, — posedu per tut',*
*Leviĝu sub suno aŭtuna!*
*Kun sango senmiksa, kun mia har'*
*Vi staras ĉe sojlo de gaja tempar'!*
*Al Vi testamento:*

*Kiam iros mi for*
*De kant', de patrujo, de vento —*
*Vi nete dishaku la pinojn ĉi-hore,*
*Vi sulku la ribon plendan! . . .*

Lubni, 1931.
Elrusigis Aleksandro *Liljer* (kun speciala permeso de l'aŭtoro.)

# LA HISTORIO PRI MALSANO

P. MAJSKI.

La kuracisto havis malgajeman k zorgoplenan mienon.

— Malfermu la buŝon. Montru la langon.

„Ankoraŭ unu, kiu interesiĝas pri mia lango. Nenia eblo por eviti la aferon", pensis Vodjankin rezignacie, malfermante kun submetiĝemo sian potencan buŝegon de paroladisto.

— Diru a-a-a.

— A-a-absolutismo de l'malbenita pasinto, kiu pezas sur . . .

— Atendu! Atendu! Vi ne estas ĉi tie en kunveno. Faru l-l-l.

— L-l-la perfiduloj k friponoj de l'internacia, tutmonda movado . . .

— Haltu! malfeliĉulo. Vi estas serioze malsana. Diru „o", unu solan „o".

— O-o-objektiva . . . la objektivaj kaŭzoj de l'. . .

— Sufiĉe, rakontu al mi la historion pri via malsano, postulis la senemocia kuracisto.

— La historion? Hum . . . historio! Unue, ĉu vi estas partiano? Fine, ne gravas. Kelkaj el niaj historiistoj estas implikitaj en multajn kontraŭmarksistajn historiojn, sed mi, mi estas objektiva. Mi amas pasie ĉion, kio estas objektiva. La „principon pri la kaŭzeco" ekzemple. Nu do! mi naskiĝis kiel paroladisto. La Zeŭso de l'tribuno, vi komprenas. Frapi la korojn, tremigi la murojn, tio estas mia unua k ordona devo.

La doktoro interrompis lin milde:

— Ĉu vi ne povus esti pli konciza?

— Pli konciza? Ha, ekzemple! Mi ne konsentas. Neniam regularo limigis mian paroltempon. Plie, mi vin diras, ke mia destino kondamnas min ŝanceli la murojn k skui la korojn. Mi tiom amas anoncigi min ĉe la tribuno, per la prezidanto de la kunveno, ke eĉ ĉe la pordo de mia ĉambro mi fiksis skribaĵon: „Malpermesate eniri sen antaŭa anonciĝo." Iun tagon, kiam mi revenis hejmen, mi atendis saĝe antaŭ mia pordo, por esti vokata.

„— Kial vi restas, demandis min najbarino, tiel malgaje en la koridoro?

„— Vi vidas, mi atendas mian vicon . . ." Honorvorto! . . . doktoro, tiaspeculo mi estas.

— Ĉu vi volus mallongigi? . . .

— Mi voĉdonigas. La oratoro petas daŭrigi sian paroladon. Kiu estas por? Unuanime akceptita.

„Jes, neniu kunveno, neniu agitiro politika okazis sen mi. Kion ili estus farintaj sen mia helpo en la fabriko? Ekzemple, rilati la utiligon de la teknikaj procedoj:

„Kial, mi diras, la transportiloj, en nia fabriko, estas nesufiĉaj? Tute simple, ĉar la homo komisiita pri la elektra transmisio havas nenian aŭtoritaton. Tia komisio povas esti konfidata nur al membro de l'sindikato, k kiu montris siajn meritojn kun profesia provtempo reiranta almenaŭ ĝis la Oktobra Revolucio (ridoj k bruoj en la salono).

„Ni prenu alian aferon: la kunpremilon. Ĝi laboras ĉe alta temperaturo, kiam la fabrika produktado fariĝas febreca. Do, pro kio ni povas bezoni malvarman kunpremilon?

„Mi parolis longe k kun multo da elokvento, por lumigi tiun ĉi brulan demandon. Tiel bone, ke la seruristo Ruĉnokov ekparolis por diri:

„— Vodjankin malligiĝis de la vivo. Vodjankin estas plue nur parolmuelilo. Ke oni sendu lin al la fabriko, li lernos tie la teknikon!"

„Kion vi pensas pri tio, doktoro? Kaj ĉiuj partianoj deklaris sian konsenton kun li!

„Mi ekkriis:

„— Ĉu estas eble? Oferi tiom da jaroj por min specialigi, por vidi min rekomenci?

„— Kia specialigo?

„— Paroladisto por ĉiuj problemoj.

„— Sed ne, kion vi scias fari?

„— Mi povas fari paroladojn pri kia ajn temo."

„Sed nenio povis min helpi. Kial tiu maljusto? Vi bone imagas, ke mi ne maltrankviliĝas pri mia estonto! La produktado, la fabriko, jen kio min torturas. Kiaj ili fariĝos nun sen mi! Ha! mi timas pensi pri tio.

„Tremante ankoraŭ pro la ofendo, atakata de malgajaj antaŭsentoj, mi reiris hejmen por komuniki al mia edzino pri miaj torturoj k miaj ĉagrenoj.

„Unu plian fojon, mi ricevis lecionon.

„— Sed kiu devigas vin paroli? Ŝi diris al mi. La paroloj havas flugilojn, provu ilin rekapti, kiam ili forkuris! . . . Kaj vi, ĉiutage, lasas forkuri da ili amasojn k amasojn. La rezulto estas bonega. Paroladisto estimata . . . jen vi estas simpla laboristo.

„Kaj tiel plue. Ŝi parolis unu horon, du horojn.

„Oni ja devas lasi konigi sian penson K-dinon. Sed, fine, mia pacienco cedis.

„— Demagogio, mi interĵetis, vi forlasas la temon. Vi transpasas la paroltempon.

„— Ha! ŝi diris. Kiam vi havis por paroli kvin horojn, sen halti, vi ne limigis vian tempon, vi. Vi povas veneni kvindekon da aŭskultantoj per via elokvento, k mi do ne havus la samajn rajtojn kiel vi! Ne, mia kara. Mi ne atingis ankoraŭ la fundon de la demando. Mi bezonas ankoraŭ minimumon de tri horoj. Kiu akceptas tiun ĉi proponon? Unuanimeco."

„Mi ne povis elteni. Mi kaptis mian ĉapelon k mi forkuris.

„Ekstere, mi sentis, ke mia lango estis kvazaŭ paralizita. Kio okazis al mi?

„Perfekta oratoro estus sendata en la fabrikon, k lia edzino fariĝus paroladistino?

„Kion fari, doktoro? Helpu min . . .

„Mia lango ne plu obeas min . . . mia elokvento malaperas . . .

„Doktoro! . . . Doktoro! . . ."

Li rigardis la doktoron. Ĉi tiu dormis profunde, instalita en apogseĝo, lulita de la parolfluoj de sia stranga malsanulo.

— Hura! ekkriis Vodjankin, triumfante. Ĉio ne estas perdita! Mi scias ankoraŭ paroli! . . .

Singardeme, sur la pinto de l'piedfingroj, li forlasis la ĉambreton por ĵeti sin en kunvenon.

Vodjankin ankoraŭ paroligos pri si.

*Traduko el Sovetia satira gazeto „Krokodilo".*

# La religia leciono

*Adalberto Bacso.*[1]



LA urbeta unua elementa klaso, pri kiu zorgis sinjoro instruisto Marko, komencis la lernojaron en tre agrabla humoro. La sinjoro instruisto kun trasentita boneco k kutima amindo akceptis en la lernejo la knabojn ankoraŭ inklinajn al ludo. Li tre atentis pri tio, ke la senteman infananimon tuŝu nenia indigno, kiu povus al ĝi naŭzigi la lernejon.

— Ĉi tie ni ĉiuj estas fratoj ... Ĉi tie ne estas diferenco inter riĉulo k malriĉulo . . . En mia klaso ne ekzistas hontbenko . . . — li diris k sidigis la knabojn laŭ grando.

Kompreneble, al Georgo Toldi, la filo de la departementestro, estis malagrable sidi apud la nudpieda Johaĉjo Juhasz, same Paŭlo Bloĥ, la filo de la bakisto, ankaŭ ne estis kontenta, ke lia benkokamarado estu Freĉjo Csanak, ĉar ties vidvina patrino sur la Föplaco estis vendistino de kuirita maizo k sekigitaj fruktoj. La filo de la buĉisto, la eta Akoso Frendl, en kiu mirinde disvolviĝis kelkaj malbelaj sentoj, sekrete puŝadis la flankon de la anemia lignohakistido, Joĉjo Talarovics, ĉar la instruista ordono devigis ilin je komuneco.

Sinjoro instruisto Marko havis unu-du bonajn vortojn por ĉiu k en la unuaj tagoj li lacigis la knabojn per nenio; li rakontis ĉarmajn fabelojn, pro kiuj la knaboj ĝojis, amuziĝis k dum mallonga tempo ili tre ekamis la lernejon, tiel ke ankaŭ la kastsento edukita en ili tute ĉesis. Georgo Toldi, la filo de la departementestro, fariĝis tre bona amiko de Joĉjo Juhasz, k Akoso Frendl post ioma tempo tiom amikiĝis kun la blonda Talarovics, ke multfoje eĉ sian antaŭtagmezan manĝon li dividis kun li. Sed estis en la klaso ripetantoj, kun kiuj la sinjoro instruisto havis tre multan penon, ĉar ili per petoloj, malico endanĝerigis la disciplinon, kiun kreis la kara k bona sinteno de la sinjoro instruisto.

Sed la unua semajno en la lernejo ankaŭ tiel pasis tre bele. La knaboj serioze sidis en la benkoj k tiel ili alkutimiĝis unu la alian, ke la sinjoro instruisto preskaŭ pravis: ili fariĝis fratoj.

Mardon en la dua semajno okazis la unua religia leciono. Sinjoro instruisto Marko k la alireligiuloj foriris, k en la klasĉambro restis nur la romkatolikoj. Ĉiuj eksilentis time, kiam pastro Hambor enpaŝis la ĉambron kun dika kanbastono. Li paliĝis pro kolero, kiam li frapis sur la tablon per la bastono.

— Dum la religia leciono estu morta silento . . . — li kriis k la koroj de la knaboj ektremis pro timo.

Poste li paŝis antaŭen:

— Ni preĝu . . . — li kriis, sian voĉon krudigante k la unua-klasanoj komencis la preĝon kun tima voĉo.

Post fino de la preĝo li tre riproĉis la klason:

— Mi vidos, kian edukon vi ricevis . . .

Kaj nun unuope li preĝigis la knabojn. Inter la filoj de malriĉaj arbohakistoj, taglaboristoj k aliaj laboristoj ja troviĝis sufiĉe multaj, kiuj ne povis ĝuste preĝi. Per la dika kanbastono pastro Hambor ilin tre terure bastonis.

— Mi instruos vin por la honesta vivo . . . — li diris, k lia osta, maldika, kolera vizaĝo fantome blankis el la brila nigra pastra mantelo kovranta lian longan staturon.

— Mi vidas, vi ne havas edukon, do mi zorgos pri tio . . .

Kaj du ripetantojn, Andrasi-n k Boda-n, li komisiis, ke depost nun antaŭ ĉiu religia leciono ili starigu en la angulon, kiuj interparolas. Ili fariĝis la inspektoroj.

— Antaŭ mia horo estu morta silento . . . — li ripetis kun nekutima kolero.

Post la religia leciono ĉagrene iris hejmen la etaj unua-klasanoj. La belo, kiu rezulte de la ĝisnuna edukado de sinjoro instruisto Marko vivis en ilia animo, nun pro la kruela senkompato de Hambor amariĝis en ili. La infanoj, kiuj ĝis nun ĝoje rememoris pri la agrablaj horoj pasigitaj en la lernejo, korpreme atendis la sekvontan religian lecionon. Kaj ne senkaŭze. Vendredon, kiam la sinjoro instruisto kun la alireligiuloj forlasis la klasĉambron, fariĝis morta silento inter la romkatolikoj. Boda k Andrasi, kiuj okulfrape estis pli grandaj, ol kiu ajn en la klaso, kun certo pri sia grava pozicio staris kontraŭ la klaso. Kvankam ili estus havintaj nenian penadon, ĉar pro timo antaŭ Hambor eĉ moviĝi ne kuraĝis la klaso. Boda hontis, ke li ne taŭgas por la ordono, k kun la malico, kiun la infanoj tre rapide lernas de la plenkreskuloj, li alkriis la anemian knabon sidantan apud Frendl:

— Talarovics, ne parolu . . .

La alparolito timtreme rediris:

— Mi ne parolis . . .

Je tio Andrasi saltis al li:

— Tuj venu el la benko . . . — k li komencis tiradi lin.

La senesperiĝinta, kompatinda Talarovics per ambaŭ manoj kroĉiĝis al la benko k tiel defendis sin:

— Mi ne parolis . . . Je dio, mi ne parolis . . .

Sed tiam jam Boda ankaŭ aliris k per komuna forto ili eltiris Talarovics-on.

Juhasz vidante la maljustaĵon, indigne kriis al ili:

— Ankaŭ mi vidis, ke li ne parolis . . . Je dio, li ne parolis . . .

Je tio Boda kriis al Juhasz:

— Vi blasfemis . . . Venu el la benko . . . — k per helpo de Andrasi nun jam Juhasz-on ili taŭzis el la benko. Dum la du knaboj ploris ĉe la forno, en rapida sinsekvo ili kuris al ĉiu mensogeme suspektito k post kvin minutoj la duono de la klaso estis tirita el la benkoj.

Kiam Hambor envenis — senvorte —, laŭvice li prenis la eltiritajn knabojn k kun malsanemo, preskaŭ kun sadista volupto, li bastonis la viktimojn de Andrasi k Boda. Kaj kiam la ĉambrego eĥis de la plorado de la senkulpe batitaj knaboj, krudvoĉe li kriis:

— Ni preĝu . . .

[1] Adalberto *Bacso* jam en sia juna aĝo fariĝis verkisto; kiel tute juna viro li verkis diversajn artikolojn por „Kassa-a Laboristo“ (Kassai Munkas); li estis tre aktiva en la socialista movado, k poste kiam li translokiĝis al Budapest, la redakcio de la socialdemokrata ĵurnalo „La Voĉo de la Popolo“ (Nepsava) tre volonte donis al li rolon en la redakcio. En tiu gazeto jam pli ofte aperis liaj noveloj unu post la alia. Liaj ĉefaj verkoj estas: Stefcsik-domo, La tero, Virgo sendifekta, ktp. Sed bedaŭrinde tre juna li forlasis nin; apenaŭ tridekjara li estis, kiam la 17-an de februaro 1920 mortigis lin la blanka teroro. *(La trad.)*

Boda k Andrasi post mallonga tempo tiom kutimiĝis al la ofico, ke ili fariĝis tiranoj de la klaso. Se Boda rimarkis, ke iu manĝas sukeron, tuj li stariĝis antaŭ li:

— Donu!

Ve al tiu, kiu ne donis!

— Nu, atendu . . . — li diris minace k antaŭ la plej proksima religia leciono li elpagis sian minacon. Ili tute ne kuraĝis rifuzi ion ajn de la du tiranoj, kiuj jam tre bone lernis, kiel oni devas eluzi la avantaĝojn de la ofico. La filon de la departementestro ili timis, ĉar tiu diris, ke tiun, kiu tuŝos lin, li portigos per hajdukoj (gardsoldatoj) en karceron. La filoj de riĉuloj portis al ili orkrejcerojn, Frendl kolbason, k Paŭlo Bloĥ bulkon aŭ kazeokukon. Sed en Boda-oj estis rabisthonesto; kiu pagis kontribuon, tiun ili ne maltrankviligis, sed nun tiel ŝanĝiĝis la situacio, ke tiuj ne tre timis la danĝeron k parolis senĝene, pro kio denove la laboristinfanoj devis suferi, ĉar la du maliculoj prenis la viktimojn el inter ili.

Kaj en la lernejo, en kiu sinjoro instruisto Marko kun tiom da belaj klopodoj edukis, nun estiĝis du malamikaj partioj: la koruptantoj, estrataj de Boda k Andrasi, k la nudpieduloj, kies juston k senkulpajn suferojn pleje Juhasz sentis en sia dolora infankoro.

La senhonteco de la tiranoj post iom da tempo jam estiĝis netolerebla. Ilin jam ne kontentigis la kazeokuko k la kolbaso, sed ili forprenis la kolorajn vitroglobetojn kaŝitajn en la poŝprofundoj k la ludilojn time garditajn. Precipe ili koleris pri Juhasz, ĉar li nenion portis al ili k tial antaŭ ĉiu religia leciono ili taŭzis lin el la benko. En Johaĉjo Juhasz de tago al tago kreskis la amaro, k kiu ĝis nun estis necerta pri siaj propraj sentoj, nun sentis plej decide, ke li malamas Hambor-on, kiu sendemande bastonas la tutan klason, kvankam li dirus, ke ne estas juste, ĉar la riĉaj faras bruon k tamen li bastonas la malriĉajn, ĉar tiuj povas doni nenion al Andrasi k Boda. Tre doloris al Juhasz, ke tiom li devas suferi senkulpe; jam ankaŭ pri tio li meditis, ke plej proksime ankaŭ li portos ion al Boda-oj, sed se li pensadis pri la hejma malriĉo, premiĝis lia koro; ĉar kion li povus porti; ja se unu krejceron li bezonas por ardeza krajono, ankaŭ tion kun dolora ĝemo donas lia malriĉa patrino. Kaj kiel bona estas lia patrino; ankoraŭ neniam ŝi batis lin, kvankam se ŝi batus lin, ne dolorus tiom, kiom doloras, se Hambor batas lin per la dika kanbastono. Juhasz ribelis jam de semajnoj. Kun kunpremitaj lipoj li sidis dum la religia leciono k pensis pri tio, ke kiam li ankaŭ fariĝos granda kiel la pastro, tiam li repagos ĉion. Dume timtreme li aŭskultis la preĝadon. Nome ĉe pastro Hambor neniam elĉerpiĝis la inkvizicio. Dum ĉiu religia leciono senindulge li batadis per la bastono, kvazaŭ nur tiam regus bonfarto, kiam la ĉambro estas plena de infanploroj.

Kaj en la infankoro de Juhasz konstante kreskis, ŝvelis ribelo miksita kun doloro, k kiam antaŭ la plej proksima religia leciono, kvankam li sidis en morta silento, la impertinentaj Boda k Andrasi kuris al li, li saltis el la benko, ĵetmalfermis la pordon k kuregante tra la koridoro kriadis:

— Mi ne parolis . . ., mi ne parolis . . .

En la terura kurego haltigis lin sinjoro instruisto Marko:

— Kien vi kuras, knabeto? . . . Kio okazis al vi, Juhasz?

Juhasz plorante cirkaŭrigardis, ĉar tie staris kontraŭ li la pastro kun sia malbela blanka vizaĝo, kiun li timis, kiun li malamis, k tie staris ankaŭ la aliaj sinjoroj instruistoj, el la dua, tria k kvara klasoj. Li senkuraĝiĝis k anstataŭ paroli li respondis nur per amara ploro.

Sinjoro instruisto Marko karesis lian kapon:

— Ĉu ne ĉiam mi diris, Juhasz — li komencis lojale —, se iu havas ion, tiu diru al mi . . . Do parolu, knabeto, kio okazis al vi?

Juhasz nun iom kuraĝiĝis k diris laŭte:

— Andrasi k Boda ĉiam tiras min el la benko, kvankam mi neniam parolas . . . Andrasi k Boda nur la malriĉajn tiras el la benko, ĉar tiuj ne portas al ili kazeokukojn, kolbasojn . . . Kaj la sinjoro pastro batas ĉiam nur la malriĉajn per la dika bastono . . . kvankam ni parolas neniam . . .

Sinjoro instruisto Marko alrigardis la kretoblankan pastron Hambor, poste li diris al Juhasz:

— Reiru, knabeto, en la ĉambron . . . Nenio okazos al vi . . .

Post kvaronhoro pastro Hambor ankaŭ venis en la klason. Kiujn Boda-oj starigis al la forno, tiujn kun amara movo li resendis al ilia loko. Poste pale, senespere, kvazaŭ martiro, kiu speciale sentas en la koro, ke jen jam ankaŭ la infanoj estas moraldifektitaj, li haltis antaŭ la knaboj k, sian manon lokigante sur la bruston, per sia dekstra mano tuŝante la frunton, li diris:

— Ni preĝu . . .



Desegnoj de Vilh. Buŝ

Post la preĝo li parolis pri la amo, poste subite li turnis sin al Juhasz:

— Kial vi mensogis pri via religia instruisto?

Joĉjo Juhasz kun nekutima kuraĝo diris:

— Mi ne mensogis . . .

Pastro Hambor kolerege svingis la bastonon, sed ne batis Juhasz-on; li nur diris:

— Atentu, atentu, vi mortos sur pendigilo . . .

Poste li aldonis:

— Vi . . . vi socialisto . . .

Juhasz ne sciis, kion signifas tio, sed li tiel pensadis, se la socialisto estas, kiu ne toleras la baton, tiam estas laŭorde —, li ankaŭ estas socialisto. Kaj depost tiu minuto Juhasz perdiĝis por la katolika eklezio, ĉar kiel unua-klasano en sia sepa jaraĝo li fariĝis socialisto.

*El la hungara tradukis L. REREIPS.*

# LA ARTO LAŬ ĴORES (JAURÈS)

„LA plej granda genio de l'moderna epoko“, kiel Anatolo Frans (France) nomis Johanon Ĵores, okupis sin ankaŭ pri arto, ne kiel supraĵa amatoro, sed kiel profunda socialista revolucia pensulo. Oni devas legi aŭ relegi liajn paroladojn k liajn artikolojn, en kiuj li parolas pri ĝi kun sia kutima spirita larĝo k sia rigora logiko, kiun akompanas la brilegeco de l'bildoj.[1] Povas esti utile, ni pensas, eltiri el ili la ĉefajn ideojn. Ni faros ĝin uzante ofte liajn proprajn vortojn.

La arto, esprimo de la vivo, malfaldiĝo de l' homa animo, multobla k simbola manifestiĝo de l'spirito, plej alta floro de epoko, estas granda afero, kiu malkovras al ni la belon de l' idealo, farante parton de la naturo k havante siajn radikojn en la malfiera realo. Per kelkaj vibradoj de l'aero la muziko influas sur nin. Kaj kie la poezio ĉerpas siajn plej belajn vortojn, se ne en tiu ĉi homa lingvo, kiu eliris el la interno mem de la homaro?

Sed per tiuj ĉi simplaj naturaj rimedoj, la poezio kreas k vivigas vivon de l'arto, superajn tipojn de delikato, lojalo, bono, kiuj nin transportas per admiro. Same la muziko fortiras nin de niaj mizeroj k igas nin vivi la senfinecon de l' sonĝoj. Igante malsupreniri k resonegi siajn plej altajn inspirojn ĉe la fundo mem de niaj vivoj, la arto kreskigas nian sentemon k altigas nin super nin mem. La artverko, kiam ĝi estas vere bela, estas io kompleta k plenfarita. Ĝi donas al ni senton pri kompleto k sublima ripozo. La belo de l' arto estas do konsolanta. Unu paĝo de amata libro, kelkaj versoj, bela gravuro sufiĉas por reserenigi nian animon, por nin konsoli pri niaj malkuraĝoj, niaj suferoj, kiam ni laciĝis pro la banalaĵoj k malnoblaĵoj, kiujn ni renkontas sur nia vojo. Tial Ĵores nin instigas serĉi k gustumi la belon en ĝiaj diversaj formoj. Li, nekristano, invitas nin rigardi, en la mezo de la civito, la potencan katedralon, kiu amikiĝas kun la malleviĝanta suno k kies majesto estas vestita per la lumo de malpezo k de mildo. La granda belo estas farita por ĉiuj. En ĉiu generacio, la artverko renoviĝas per la nova sento, la novaj forto k ĝojo, kiujn tiras el ĝi la spiritoj, kiuj pasas.

Ĉu ĉiu arto havas la saman valoron, la saman potencon? Ne. Se, ekzemple, ni ĵetas ĝeneralan rigardon sur la artverkon, kiun postlasas al ni la burĝa demokratio finiĝanta, kion ni vidas? Ke tiu ĉi periodo, elirinta el la filozofio de la dekoka jarcento k de la Revolucio de 1789, estis granda, distingita de eksterordinara krea impeto, de artista aktiveco senfine varia k vastega. Ĉiu arto, depost pli ol unu jarcento k duono, pelis la homon al ĉiuj kuriozaĵoj, ĉiuj formoj de la belo k de la vivo. Sed la individuo troviĝis starigita tute sola kontraŭ la naturo, la tempo, la spaco k la ago. Nu, la individuo ne povas vivi per si k por si; ĝi estas ero de l' homaro. Kaj se ni ekkonas la grandon, kiu ekzistas en la arda, doloriga revo de Faŭsto ebriiĝanta ĉe la admira rigardado al la naturo, en la malkvieta aspirado, kiun donas al li la sento pri la senfineco, ni bezonas, aliparte, pli klarajn konceptojn pri la homo k la universo, ni atendas artverkojn kapablajn sentigi al ni la homaran unuecon.

Prenu Gete-n (Goethe), la plej grandan eble el inter la burĝaj artistoj. Lia „Faŭsto“ estas admirinda verko. Ĝi frapas nin tamen per sia nekapablo prezenti al la homoj klaran ideon pri la vivo, precizan objekton por la agado, difinitan celon. Kion faras Viktoro Hugo, kiu malkovris ĉie la sanktan fajron de l' spirito, kiam li provas resumi la filozofion de l' jarcento? Kiel infano, kies eklezio estus modelinta la cerbon, li indignas, ke la scienco konstatas, ke la homaro leviĝis, per la evoluado, el la malsupera animaleco. La plej altaj geniuloj donas ekzemplon pri nepovo, kiu dependas de tio, ke la homaro, en la konfuzego de l' malnovaj religiaj kredoj, estas hodiaŭ neinterligita, malunueca, portanta la militon en sia propra brusto. Nur, kiam la homoj ne plu estos dividitaj de la klasa antagonismo, de la propraĵa privilegio, kiam la socialismo, la komunismo, respektante ja la naturajn, psikologiajn diversecojn de l' individuoj, estos vere organizinta, interalproksimiginta, kuniginta ilin, nur tiam la artistoj povos ĉerpi, en tiu fundo de komunvivo, materialon k inspiron por krei artverkojn plene homogenajn k harmoniajn. Kompleta renovigo, kompleta transformado de la socio, en la senco de l' justo, estas necesa, konsekvence, por ke tiuj ĉi novaj formoj de arto povu ekkreski.

Atendante la tutan maturiĝon de l' nova ordo, de l' komunista ordo, ĉu ni ne vidas, de nun, pli k pli multnombrajn verkojn trapenetritajn de l' socia problemo? Depost pli ol jarcento jam la socialista penso komencis malklare efiki sur la arton. Hugo riskis malŝpari sian genion en malprecizaj malprogresemaj sentimentecoj; sed sub la influo de l'unuaj grandaj socialistaj skoloj — la furierismo k la sen-simonismo — li skribis siajn plej belajn verkojn: „La Mizeruloj“ k

[1] Vidi aparte „La Arto k la Vivo“. „La Arto k la Socialismo“, „La socia Teatro“ en la *Elektitaj Paĝoj* de J. Jores. (Parizo, Rieder, eld.), franclingve.

---

# Laboron! Panon!

*EMBA.*

*KABANOJN la frosto regas . . .*
*Ekstere frosto,*
*interne frosto.*
*Stomakojn malsato segas.*
*Konstante neĝas,*
*nur pastroj preĝas*
*en varmaj hejtitaj temploj . . .*
*La strat' englutas*
*la uraganon:*
*Hu-i, hu-i-i!*
*„Laboron! Panon!“*
*Kuregas la kolera ĉaro*
*kun plena ŝarĝ' de pugnomaro.*
*„Laboron! Panon!“*
*Hu-i, hu-i-i!*
*Ronkegas la uragano*
*kap' ĝia hirtas,*
*ĉifonoj flirtas . . .*
*Ĉasate sin kaŝas pano . . .*
*Hu-i, hu-i-i!*
*Tremante dentklakas ĉasistoj*
*kaj tremas fenestroj*
*post kiuj la estroj*
*de l'Krizo kondamnis la Kristojn*
*de la epoko*
*al fimalsato*
*verŝante ĉampanon . . .*
*Hu-i, hu-i-i!*
*„Laboron! Panon!“*

„La Legendo de l' Jarcentoj". Same, el la socialista penso naskiĝis la Revolucio de 1848, kiu malkovris al Vagner la tutan sencon de lia verko: realigi la unuecon en la arto, la harmonion de l' artoj, kiel la komunismo volas realigi la kunfandiĝon de ĉiuj homaj energioj. La verko de unu el la plej grandaj majstroj de l'pentroarto, Puvis de Ŝavan (Chavannes), montras al ni aron da kvietigaj pejzaĝoj, kie homgrupoj, envolvitaj de blua k verda lumo, pensas k meditas. Ĉu tiuj vastaj tutaĵoj tiel serenaj k harmoniaj ne estas la anticipita bildo pri tio, kio estos la socio morgaŭa? Anatolo Frans, malkovrante per malpeza k subtila mano ĉiujn radikojn de l' mensogo, kiu vivigas la nunan socion, mortkondamnis la arbon de maljusto, kiun li kvazaŭe nur rigardis. Zola donis al ni „Ĵerminal". Kiam li puŝiĝis je maljustegaĵo, li estis ekscitegata de grandioza kolerbolegado k lia verko, ĝis tiam simila al riverego miksita k trankvila, antaŭenĵetiĝis en la batalon.

En la teatro, la granda norvega poeto Ibsen, kiu ignoras la formiĝadon de proletaro, la ekziston de organizita laborista klaso, personigas la ribelon — necesa stadio de l' socia progreso — de l' individuo kontraŭ la burĝa socio, en kiu li vidas nur maskiĝon, hipokriton, subpremon, mensogon, malican klaĉadon, negocajn zorgemojn, interdisputon de blindaj interesoj. Kun Haŭptman, kiu verkis „Antaŭ la Sunleviĝo" k „La Teksistoj", ribelas la kamparanoj, la ministoj, la teksistoj de Silezio sub la stimulo de l' ekstrema doloro. Tio tamen ne estas ankoraŭ la konscia, pripensita, de ideo animita organizado: la proletaro antaŭeniĝanta al la justo. Oni vidos prezenti sur la scenejo verajn homajn dramojn, en kiuj la principoj k la fortoj de la nova socio estos la risorto mem de l' dramo nur, kiam la proleta klaso, hodiaŭ batalanta kontraŭ la kapitalista klaso de l' posedantoj, triumfos k, en sia propra venko, malaperos mem, edukante ĉiujn homojn al komuna libero.

En tiu tago la laboristo ne plu vivos en la malsekuro k en la timo pri la morgaŭa pano por si aŭ por la siaj; li ne plu estos troŝarĝita, sklavigita, tro absorbita de sia peniga laboro. Per altiĝo de sia pensado li kapablos ligi sian penadon kun la tuto de l' homa penado. La laborista k kamparana klaso disponos sufiĉe pri esprimrimedoj por traduki en artbelon siajn sentojn, pensojn k revojn. La vivo de l' arto atingos fine la profundojn de l' popolo, ĉar ĉiujn homestaĵojn, kiaj ajn ili estas, la socialismo vokas al la vivo de l' belo. Kaj antaŭ la ĉefverkoj de l' artistoj, por ilin kompreni k admiri, oni ne vidos plu satan k indiferentiĝintan eliton, sekvatan de blinda amaso, sed unu saman fratecan k liberan homaron.

A. JOBE (JOBET) en „La Laboro" (Le Travail), Ĝenevo.

# Verkistoj k Verkoj

## La libro pri la sennaciuloj

titoliĝas „Ŝipo de la mortintoj". Ĝia aŭtoro, *B. Traven*, rakontas pri tiuj kompatindaj maristoj, kiuj pro la limoŝanĝoj post la mondmilito perdis „sian" patrion. Ili estis ie surmare k kiam ili revenis, ili havis alian naciecon. Iu naskiĝis en la provinco Pomeranio k veturis sur dana vaporŝipo. Li estis germano, sed la provinco nun apartenis al Polio. La germania registaro ne volis agnoski lin. „Vi estas polo," oni diras. La pola konsulo skuetas la ŝultrojn. „Ĉu vi deklaris antaŭ iu konsulejo, ke vi volas esti polo?" „Ne." „Do, vi estas germano." Unu sorto inter multaj.

La ĉefa tragiko konsistas en tio, ke tiuj senŝtatuloj ne ricevas pasporton k tial ne povas „vojaĝi" tra la mondo por serĉi laboron. Se iu ŝtele forfuĝas alilanden — la polico certe trovas lin ie iam. Sekvas la konata ekzameno. „Ĉu vi havas dokumentojn?" „Ne." „Kian naciecon vi havas?" Silento. La vagulo ja ne povas pruvi ian naciecon. Por li ankaŭ estas egale, kian patrion li havas. Hazarde, — „laŭ la paperoj" — li apartenas al iu ŝtato, kiun li eble ne konas, neniam eble vidis. Sed la „ordo" postulas, ke ĉiu homo havu iun patrolandon. Homoj, kies patrio estas la tuta mondo, devas esti arestitaj kiel senpasportaj vagabondoj. Okaze oni gvidas ilin iunokte trans la limon en alian landon. Tie la kaptludo rekomenciĝas. Ekzameno. Enkarcerigo. Ellandigo en najbaran ŝtaton, eble tien, de kie oni venis . . .

La lasta savo por la senpasportulo estas „mortintoŝipo". Normale neniu ŝipestro rajtas dungi mariston, kiu ne havas dokumentojn aŭ perdis ilin. Tion malpermesas la leĝoj. Sed — feliĉe aŭ malfeliĉe — ekzistas aliaj ŝipoj. Ŝipoj, transportantaj kontrabandaĵojn (municion kaŝitan en kakao, armilojn en marmelado), malnovegaj ŝipoj, kies posedantoj nur atendas la premion de l' asekuro. Oni ne estas rigora en la dungo de maristoj por tiaj „mortintoŝipoj". Oni akceptas ĉiun, kiu sin proponas. Oni ne multe demandas pri deveno k nacieco. La laborkondiĉoj estas tiom mizeraj, ke nur malvolontege iuj pretas al tia laboro. Sed la premo de l' devigo estas forta. Neniu volas malsatmorti, do oni senespere ekprenas tiun „helpilon" . . . Kaj la „mortintoŝipoj" ricevas sian ŝipanaron. Homoj, eksigitaj el la socio, veturas sur ili trans la maroj. Homoj sen patrioj. Bulgaroj, svedoj, hungaroj, usonanoj, parolantaj ian komunan maristan slangon.

Sennaciuloj . . . *F. S. (16 462).*

## Penseroj de J. M. Gijo (Guyau).*

*Ĉiu provizora specialigo estas danĝera. Iu individuo neniam estas unu, sed diversaj. Difinitaj infanoj similas unue al sia patro, plie al sia patrino k reprezentas tiel serion da diversaj tipoj, morale k fizike. Oni neniam povas antaŭvidi en karaktero ĉiun eblon, kiun ĝi enhavas, ĉiun kapablon, kiun ĝi disvolvos. Pro tio la danĝero de ĉiu edukado, kiu antaŭjuĝas troe la emaron de la infano. La profesia instruado ekzemple devas havi kiel nuran celon veki kvalitojn, neniam agi laŭ jam supozataj emoj. Sen tio la instruado estas kripligo, pro kiu oni povas fuŝi tutan vivon.*

*

*Por senti, ke iu pordo estas malalta, oni havu altan talion.*

* Vd. la biografion sur la sekvanta paĝo.



# LA PAĜO DE L'FILOZOFO

## Johano Maria Gijo (Guyau), profeto de la vivo

El la Amsterdama Kongreso de SAT mi forte memoras scenon, en kiu K-do opozicia, sidante supre, tre forte ekkriis, kiam K-do Lanti akre estis atakata: „Spinoza, Spinoza", celante per tio atentigi la aŭskultantaron pri la kongresa antaŭparolado de K-do Lanti k prezenti ĝin kiel malfortigon al la klasbatalo.

Tiu opoziciulo montris nekomprenon pri Spinoza k nepovon distingi la pensulojn el la burĝa tendaro, kiuj antaŭprojektas filozofion, havanta valoron ankaŭ por la moderna proletaro. Spinoza estis tia pensulo k la filozofo prezentata de mi al la legantoj estas sama tiurilate.

**Vivo k doktrinoj.**



Vivante k studante en la sudo de Francio, Gijo atingis pro daŭra malsano nur la aĝon de 33 jaroj k mortis en la jaro 1888. Iom post iom la morto proksimiĝis k li, konvulsie kroĉante sin al la vivo, donis sin tute, esprimante siajn spiriton k riĉan animon.

Ĉu estas mirige, ke li prenis kiel bazon de sia teorio la intensan vivon? Li mem montris per siaj verkoj la fruktedonecon k potencon de la disvastiĝanta vivo. Li verkis dum tiu mallonga vivo 9 gravajn verkojn, kiuj trafas la leganton per noblo, toleremo, simplo k belstileco. La reganta ideo de Gijo estas la vivo kiel komuna principo de religio, arto k moralo.

La intensa vivo volas konservi sin k ĝi povas tion per sia disvastiĝo, per fruktedoneco k noblo. La vivo estas en la komenco de ĉiu penso, de ĉiu ago, sed ankaŭ en la celo de ĉiu penso, de ĉiu ago. La suprencelanta vivo, konscie aŭ nekonscie, kreas rimedojn por altigi k perfektigi sin.

Li rigardis kiel gravan taskon de la 19-a jarcento klarigi la socian flankon de la homo, la kolektivan vivon, kiel bazon de moralo, arto k religio.

Konsiderante unue lian moralon, ni konstatas, ke li jam kontraŭstaras la individuemon, la egoismon, precipe la mallarĝan materialismon de La Metri (Mettrie), esprimante tion belvorte: „La egoismo pura ne estus nur kripligo al la individuo; ĝi estus neeblo. Nek miaj doloroj, nek miaj ĝuoj estas absolute la miaj. La dornaj folioj de la agavo, antaŭ ol etendiĝi k vastiĝi al larĝaj rubandoj, restas longtempe plektitaj unuj sur la aliaj k tiel formas solan koron; tiumomente la dornoj enpremiĝas sur la najbarino. Malgraŭ la grandiĝo k disiĝo de ĉiuj folioj, tiu marko restas k grandiĝas kun ili; ĝi estas sigelo dolora, fiksita sur ili por la tuta vivo."

Plue Gijo klarigas, kiel k kial agas la homoj morale, k klopodas analizi la senton pri la devo. Li forte kontraŭas la moralon de Kant, la moralon de la devigo, de la severa: „Vi devas", kiu akompanas la homon sur sia vojo tra la vivo. Gijo donas pli esperigajn k liberigajn vortojn k provas klarigi, ke estaĵoj ne povas esti puŝataj al la agado per tia severa ordono.

Li anstataŭigas la devan senton per kvar ekvivalentoj (egalvaloroj). Unue la povo de agado; k kontraŭ la severa frazo de Kant: „Vi devas, sekve vi povas", li donas la liberigan vorton: „Vi povas, sekve vi devas." La forto de la interna vivo instigas al agado. „La planto nepre floros, ĝi ne povas fari alion." Due, la celo projektita k la kunfandiĝantaj sentoj kolektivaj, k fine la riskemo k luktemo trudas al la faro. En la fino de la skizo pri tiu libera moralo li akcentas la homon kiel la plej altan kategorion, k konkludas kiel ateisto:

„Eble nia tero, eble la homaro alvenos al celo nekonata, kiun ili mem estos kreintaj. Neniu mano nin gvidas, neniu okulo vidas por ni; la direktilo estas rompita depost longa tempo, aŭ pli vere — ĝi neniam estis, ĝi estas farota. Tio estas granda tasko k estas nia tasko." Tiuj vortoj universale esprimataj valoras por nia klaso, por la universala socialismo, iama atingaĵo tra la tuta tero.

Gijo samtempe estis poeto k verkis pri la arto. Li forte akcentas la socian karakteron de la arto, kontraŭas la teorion: „Arto por la arto mem", k klarigas, ke arto estas amo, esprimilo de homa solidaro.

La artisto ne vivas izole, sed volas konscie aŭ nekonscie, instinkte, disvastigi sian vivon al aliaj, volas vivigi k fari socian ligilon inter homoj. Tia arto ĉiam vivos k estos destinata por eterna vivo. Gijo jam en sia tempo projektis la atakon kontraŭ la raciismo, kontraŭ la klarigo, ke la homoj agas laŭ racio, ke la scienco solvas ĉion; unuvorte li kontraŭas la troan glorigon al la naturscienco. „Niaj scienculoj similas al ministoj en la profundo de la ŝakto: tio nur estas lumigata, kio ĉirkaŭas rekte; plue estas la nekonato, la mallumo."

**La influo de Gijo.**

Ekzistas el Gijo tradukoj anglaj, germanaj, rusaj. Leo Tolstoj en sia letero pri la arto apogas sin sur libro de Gijo; li mencias nur unu libron de li k silentas pri la dua. Kropotkin projektis sian „Etiko" sur la pensoj de Gijo. Niĉe (Nietzsche) legis kun admiro du librojn liajn. Sed estas pli grava fakto: Kiam Gijo havis 19 jarojn, li aŭdace projektis la moralon de Spencer, antaŭ ol tiu verk-

# SCIENCO

## Antropologio

# La japana popolo el antropologia vidpunkto.

*Parolado de d-ro Koganei-Yosikiyo ĉe la 3-a kongreso de Japana Scienca Asocio okazinta en Sendai la 3-an de aŭgusto 1927.*

La antropologio lastatempe altiras la ĝeneralan atenton tiel forte kiel neniam antaŭe. En la pasinta jarcento ĝi nur celis ekkoni diversajn morfologie apartajn popolojn loĝantajn en malproksimaj partoj de la mondo k iliajn morojn k kutimojn, k multaj diversfakaj sciencistoj k eĉ diletantoj partoprenis en ĝia studado. Ĉe la antropologia kongreso okazigita en 1886 en Stettin, d-ro Virĥov (Virchow) ekzemple proklamis, ke la antropologio estu studata de sciencistoj kiel ia akcesora fako, ĉar ĝi ankoraŭ ne estas sendependa scienco ĝenerale aprobita.

Depost disvolviĝo de la biogenetiko[1], ĉe la fino de la lasta jarcento, la antropologio sin okupas tre multe pri la genezo de la homaro. Kun la problemo, ĉu la homaro devenis de unu aŭ multaj gentoj, la signifo de la vorto „raso" fariĝis tre malklara en la antropologio. Mi do devas unuavice klare difini, kio estas „raso" k „popolo", tiuj vortoj, jam delonge multe uzataj sen ia severa kritiko.

La raso prezentas pli malpli grandan grupon da homoj, kiuj komune heredposedas iujn karakterizaĵojn morfologiajn k psikologiajn k estas pli malpli klare distingeblaj de aliaj grupanoj, dum la popolo sin montras kiel pli malpli granda grupo da homoj kun komunaj lingvo k kulturo. Unu popolo povas sekve konsisti el multaj rasoj, dum natura parenceco povas aliflanke ekzisti inter multaj popoloj. Ekzistas tamen apenaŭ pura raso en la mondo. Loĝantoj en Eŭropo k Azio prezentas senescepte rasmiksiĝon, kvankam en diversaj gradoj.

La japanoj ne faras escepton. Ili ne estas unu raso el antropologia vidpunkto. Multaj „tipoj" estas distingeblaj inter japanoj. Ekzistas nome inter ili multaj individuoj, kiuj staras ekster la individua oscilado, trovebla interne de unu raso. La japanoj estas sekve unu raskomplekso naskita per intermiksiĝo de diversaj rasoj. Tion ja rifuzas neniu konsenti.

En kiu tempo k el kiuj rasoj do naskiĝis la japanoj per rasmiksiĝo? Determini ĉiujn ĝin kunmetantajn rasojn k klarigi ĝian kunmetiĝon per antropologia analizo, estas ja granda problemo antropologia, precipe interesa al ni japanoj. Por solvi la problemon, diversfakaj sciencistoj devas partopreni de diversaj flankoj. Ĝi sekve altiris ardan atenton de multaj sciencistoj, enk eksterlandaj, kiuj jam publikigis diversajn opiniojn, parte diletantajn, pri la temo. Mi do hodiaŭ kiel anatomisto ankaŭ volas publikigi mian opinion el fizikantropologia vidpunkto.

Mirinde malgranda estas tamen ĝis nun la nombro da sciencistoj, kiuj pritraktis la temon el fizik-antropologia flanko. En la jaro 1875 d-ro *Denic* (Doenitz) unue publikigis sian opinion, laŭ kiu la japanoj konsistas el malaja k mongola rasoj. „Aino'n" li komprenis kiel unu el du branĉoj de la lasta. Lia opinio estas do tute klara k simpla, ĉar la japano laŭ tio prezentas miksiĝon de mongola *aina* k malaja rasoj. Nur bedaŭrinde li iris tro antaŭen, kiam li opiniis *aino*'n kvazaŭ unu branĉo de la mongoloj.

Duavice venis d-ro *Belc* (Baelz), kiu tre detale studis la konsiston de l'japanoj. Kiel konsistigantojn de la japano li kalkulis la tri sekvantajn rasojn: (1) Aino. (2) „Manĉurian-koreano": Raso okupanta Manĉurion k Koreon: Raso aparta de la mongolo, sed entenanta en si iom da mongolaj elementoj. Ĝi alvenis de l'Korea Duoninsulo al sudokcidenta parto de la ĉefa insulo el la Japania Insularo k estas nun ĉefe reprezentata de loĝantoj el la nomitaj teritorioj. Tiurasanoj estas mal-

[1] Scienco pri deveno de la vivo.

---

is siajn moralprincipojn. La fama Spencer respondis jene: „Mi ne pensis, ke estos eble, rigardante la jam publikigitajn verkojn k partojn pri la moralprincipoj, starigi k konstrui tiel komplete la ĝeneralan teorion ĉiuaspekte. Mi vere povas diri, k sen ombro da flato (kio estas tute fremda al mia naturo), ke vi faris tiun skizon pli bone ol mi mem estus farinta ĝin kredeble. Pli bone, la maniero, laŭ kiu vi proksimiĝis al diversaj elementoj de la doktrino, utilis por prezenti ĝin laŭ alia aspekto ol tiu, laŭ kiu mi ĝis nun rigardis ĝin, k por projekti pli larĝan revidon."

Tiu fakto estas grava okazo en la moralhistorio; la fama Spencer rekonas la altan intelekton de la juna Gijo. Tiu burĝa filozofo ne parolas pri klasoj; ankaŭ Spinoza ne faris tion. La lasta tamen estas antaŭulo de la dialektika materialismo, de la marksismo k la komunismo.

Ankaŭ Gijo donas sian teorion en ĝenerala, universala formo. Sed pura marksisto estas bona pensulo, do devas travidi k trapensi tiun vualon por trovi la valoran kernon. Gijo finas sian enkondukon pri la religio per jenaj vortoj: „Kelkfoje, dum longaj noktaj vojiroj, la soldatoj marŝante ekdormas, ne haltante tamen; ili daŭrigas la iradon songe k nur vekiĝas sur la loko destinita por ekbatali. Tiel progresas dormante la ideoj de la homa spirito; ili kelkfoje tiom dormegas, ke ili ŝajnas senmovaj, oni nur sentas iliajn forton k vivon sur la suririta vojo; fine la tago leviĝas k ili aperas; oni ilin rekonas k ili venkas."

La juna Marks skribis en 1843: „La mondo tre longe posedas la songon pri unu afero, pri kiu ĝi devas posedi nur la konscion por posedi ĝin vere."

Tiuj du penseroj de du grandaj homoj esprimas la samon diversforme. Do, la K-do el la kongreso tre forte malpravis atakante tiel K-don Lanti k samtempe Spinoza. La proletaro rekonu la valoron de Gijo por sia spirita liberigo, k en la klaso mem oni utiligu liajn noblon k toleremon.

Eble tiuj idealoj valoras precipe por nia Asocio.

*Simon Aarse*, Amsterdamo.

multe nombraj, kun mallonga kapo k longa vizaĝo kun malforte elstarantaj vangostoj, similaj al eŭropanoj, grandstaturaj k noble aspektaj. (3) Mongolmalajano. La mongolo k malajano estas laŭ la aŭtoro tre similaj k malfacile distingeblaj unu de l'alia, k faras kune ĉefan konsistiganton de orientanoj, al kiuj kompreneble apartenas ankaŭ japanoj. Ili alvenis de sudo al Kiuŝu Insulo pere de varma marfluo. La aŭtoro rezonis nome sian opinion laŭ la japana mitologio. La raso estas karakterizata per malgranda staturo, flava haŭtkoloro k ebena vizaĝo k per mongolaj okuloj k faldoj, kiujn li tiel nomis k precipe detale priskribis. Mi tamen dubas, ĉu ekzistus la Manĉurian-Koreano kiel raso aparta de la mongolo. Estas ankaŭ sufiĉe dubinde, ĉu evidenta antropologia diferenco ekzistus inter mongoloj, ĉinoj, manĉurianoj k koreanoj.

Oni ja populare opinias, ke la japano prezentas unu branĉon de la mongola, t. e. flava raso. Tio estas ankaŭ antropologie akceptita k pri tio neniu dubas. Flava haŭtkoloro, nigra k glata kaphararo, malabundaj korpohararo k barbo, relative mallonga k larĝa kapo (kun la indico 80.81 ĉe viro k 81.92 ĉe virino laŭ Macumura), plata vizaĝo, elstarantaj vangostoj, malalta nazo, ebena nazradiko, mallarĝaj palpebrofendoj, pseŭdostrabado pro mongolaj faldoj, malforte entirita vando nazfrunta, malfortaj brovarkoj, malalta frunto ktp estas plej rimarkindaj karakterizaĵoj de la mongola raso. Individuoj kun tiaj trajtoj estas plej ofte renkontataj inter japanoj.

Tiu ĉi branĉo de la mongola raso enmigradis en Japanio tre frue, jam en ĝia ŝtonepoko. La vojo de ĝia enmigrado fariĝis ankaŭ pli k pli klara. Ĝi estas nome en Japanion, tra la Korea Duoninsulo, trans la Korean Marstraton. La tielnomataj Jajoitipaj-ruinaĵoj, kiujn supozeble postlasis tiu ĉi branĉo de la mongola raso, ĉefa konsistelemento de japano, ĉe la fino de ĝia ŝtonepoko, estas ankaŭ eltrovitaj en Koreo k Manĉurio dank' al 20-jara klopodo de niaj etnologoj. Ĝia enmigrado okazis certe nekonstante, aŭ unuope aŭ en grandaj aŭ malgrandaj grupoj, k daŭris tra la metalepoko ĝis en la historian tempon. La fakton pri la naciiĝo de ĉinoj k koreanoj k. a. konataj en la historio mi preterlasos.

La mongola raso faras tiel la fundamenton de la japano. Ekzistas tamen inter japanoj ne malmultaj, kiuj montras aliajn trajtojn ol la suprenomitaj, certe pro enmiksiĝo de aliaj rasoj. Kiuj do estas tiuj rasoj enmiksiĝintaj? Venis unuavice anoj de sudaj rasoj, eble pere de nigra marfluo — la hipotezo ĝenerale aprobita de multaj sciencistoj.

Estas tamen tre malfacile ekkoni, kiom da rasoj estas entenataj en la nuntempa japano, ĉar la sudaj rasoj similas en multaj punktoj al la flava mongolo k iliaj morfologiaj karakterizaĵoj estas al ni ankoraŭ ne sufiĉe konataj. La nombro de l'enmigrintoj povas esti ankaŭ sufiĉe granda. Ĉar tamen antaŭhistoriaj ruinoj k restaĵoj postlasitaj de ili ankoraŭ ne estas eltrovitaj, ni ĝis nun posedas nenian rimedon por solvi la problemon, krom sudlandaj moroj k kutimoj entenataj en la japana vivmaniero. Kaj tre multe da nerefuteblaj faktoj estas jam tiurilate prezentitaj de multaj sciencistoj. Kvankam mi hodiaŭ ne volas pli detale klarigi tion, restas almenaŭ certe, ke la malajano havas iun certan rilaton kun la japano. La malajano estas tamen tre komplikita raso, kiu prezentas al antropologoj k etnologoj malfacile solveblajn problemojn. Ni ĝenerale dividas ĝin en du rasojn. (1) Protomalajano: tute aparta de la mongolo, kun malhelbruna haŭtkoloro, nigra k onda aŭ glata kaphararo, malabunda korpohararo k barbo, enfalintaj okuloj, pli larĝaj palpebrofendoj, pli malaltgradaj klinokuloj pro malforte evoluintaj mongolaj faldoj. (2) Deŭteromalajano: pli simila al la mongolo, eble pro pli-malpli grandkvanta sangmiksiĝo. Estu nur rimarkate, ke la makzela formiĝo ofte trovata inter malajanoj estas ankaŭ ne malofte renkontata inter japanoj. Ke kelkiuj rasoj el sudokcidenta parto de Azio ankaŭ enmigradis en Japanio, estas tre konjekteble, sed ankoraŭ ne pruvite. La enmigrado de la sudrasanoj estis, same kiel tiu de la mongoloj, ne konstanta. Ni ankaŭ ne posedas certan pruvon, ĉu la sudrasanoj aŭ la mongoloj pli frue enmigradis en Japanio, kvankam ni kredas, ke la lastaj povas esti la unuaj enmigrintoj. Ĉiuokaze devis jam komenci sangmiksiĝo tuj, kiam la diversaj rasanoj el la kontinento k el la Sudo interkontaktis k kunvivis.

Aliflanke Aino ankaŭ certe partoprenis al la konsistigo de la japano. Ĝi estas tute aparta k rimarkinda raso, kiu altiras grandan atenton de ĉiuj antropologoj en la mondo. Ĝi prezentas malgrandan rason, kiu entenas ĉirkaŭe 17 500 individuojn nuntempe loĝantajn en Hokkaidoo k Sagaleno. Kiel bonkonate, la aino tute ne similas al la ordinara japano k aspektas kvazaŭ kamparano en necivilizita parto de Eŭropo, kun bruna haŭtkoloro sen flava nuanco, kun abundaj korpohararo k barbo, kun rekta nazdorso k alta nazradiko, kun forte evoluintaj fruntŝvelaĵo k brovarkoj, kun okuloj sen mongola faldo, kun vangostoj ne elstarantaj ktp. Kelkaj aŭtoroj tial eĉ opinias, ke ĝi prezentas reston de la protoaria raso. Ni tamen ne malofte renkontas individuojn kun la suprenomitaj trajtoj inter japanoj, kio pruvas, ke la aina sango troviĝas ankaŭ miksite en la japano. Estas ja tute ne mirinde, ke prarasaj tipoj laŭ la leĝo de Mendel post multaj generacioj neatendite reaperas en sangmiksita popolo.

Kiam mongoloj enmigradis en Japanio, ĝi ne estis senhoma, sed estis jam okupita de ainoj, kiuj do prezentas la prapopolon de Japanio. Kiam tamen ambaŭrasanoj kontaktis, jam komenciĝis inter ili sangmiksiĝo aŭ en paco aŭ en malpaco, k tiu procezo estis depost tiam ĝis nun senĉese daŭrigata ĉe la kontaktlinio. Dumtempe la ainoj pli k pli retiris sin norden, ĉiam des pli malmultiĝante per la sangmiksiĝo k asimiliĝo, ju pli multiĝas la enmigrintoj el la sudokcidento k el la sudo. La nuntempaj ainoj en Hokkaidoo k Sagaleno estas nenio alia ol tiuj, kiuj konservas neasimilite sian propran rason. Ili tamen ankaŭ baldaŭ komplete japaniĝos ne nur morfologie, sed ankaŭ psikologie. La interrilato inter ainoj k japanoj estis tiel daŭrigata de la ŝtonepoko ĝis en la historian tempon: En nia historio ili estis kutime nomataj *Jezo*.

La fakto, ke ainoj estis la unuaj loĝantoj de Japanio, estas pruvata per ŝtonepokaj ruinoj kredeble postlasitaj de ili. Ili tute ne similas al la suprenomitaj Jajojtipaj ruinoj k estas pli novaj ol la lastaj. Mi nomas ilin Ainotipaj ruinoj. Ilia kultura grado respondas al tielnomata nova ŝtonepoko (neolita epoko) k ili troviĝas dissemitaj ĉie en la tuta Japanio. Homaj skeletrestoj estas ankaŭ ofte elfosataj el ili. Ilia nombro estas jam tre granda k ĉiam plimultiĝos. Mi ekzemple sola posedas tiajn skeletrestojn apartenantajn al ĉ. 150 individuoj. Kvankam ili ankoraŭ ne estas detale pristuditaj, iliaj morfologiaj karakterizaĵoj entute respondas al tiuj de l'aina skeleto. Ĉe kelkaj lokoj mi esceptmaniere elfosis skeletojn iom diferencajn de ainaj; tio eble devenas de la sangmiksiĝo okazinta en la ŝtonepoko, pri kiu mi jam antaŭe klarigis. Ni krome ofte renkontas ainajn loknomojn ĉie en Japanio, precipe ofte en ĝia nord-

orienta parto k tio ankaŭ pruvas, ke la lando estis antikvatempe okupita de ainoj.

Resume ni povas diri, ke la suprenomitaj rasoj post sia kontakto intermiksiĝis aŭ en paco aŭ en malpaco, por fine konsistigi la nuntempan japanon. Aliaj konsistelementoj povas ja ekzisti krom ili; ilia nombro estas tamen ĉiuokaze tre malgranda. –

Mi nun volas iom paroli pri la rasmiksiĝo. De la komenco de tiu ĉi jarcento la heredoscienco faris grandegan progreson apenaŭ anticipitan, kiu kompreneble faris influon ankaŭ al la fundamento de la antropologio: Kio, ekzemple, okazos, kiam du rasoj A k B intermiksiĝis? La unuageneraciaj mestizoj laŭ la leĝo de hereda transiĝo montras mezajn karakterizaĵojn samtempe similajn al tiuj de A k B. La dua- k tria-generacianoj similas parte al la unua-generacianoj, parte tamen, kiel jam dirite, al A- k B-rasanoj. Tio estas la fundamenta leĝo de hereda transiĝo, leĝo de Mendel, kiu regas la tutan regnon de vivaĵoj. La homo kompreneble ne faras escepton. Tra la tuta serio de generacioj la formo de iu rasmiksita popolo estas ĉiam tre ŝanceliĝema kiel mozaiko sen ia fiksita tipo. Laŭ nia ĝisnuna sperto neniam naskiĝas nova raso per rasmiksiĝo. Kiel do sangmiksiĝo influas la kvaliton de popolo, ĉu favore aŭ malfavore, tio estas tre grava problemo soci-antropologia jam multe diskutita, tamen sen ia definitiva konkludo.

Ni nuntempe posedas multe da ekzemploj pri la sangmiksiĝo en Nord- k Sudameriko, nome pri la sangmiksiĝo inter blankuloj, negroj k indianoj. Same multe ekzistas mestizoj en Hindio, Sunda Insularo k Sudafriko. Ili estas tamen ĝis nun ankoraŭ nur tre malmulte science studitaj, krom de E. Fiŝer, kiu tre detale studis tielnomatajn „Rehobother"-bastardojn, naskitajn inter holandaj kamparanoj en Sudafriko k hotentotinoj. Ĝenerale akceptita opinio, laŭ kiu la sangmiksiĝo ne malfavore influas la kvaliton de popolo, estas efektive ankaŭ konstatita ĉe tiuj Rehobother-bastardoj, kiuj aperas tre sanaj, fortaj k fekundaj. Ilia staturo ankaŭ superas tiun de iliaj gepatroj. Rilate al la inteligento, kiu teorie paraleliras kun la formo, ni povas diri la samon. Kiam iu raso kun alta kulturo k iu kun malalta kulturo intermiksiĝis, la rezulto devas do esti ne favora al la unua, ĉar la inteligento povas nur atingi interan mezan evolugradon. Aliflanke ni ne forgesu, ke eŭropaj popoloj fieraj pri sia kulturo, kiel ankaŭ la ĉino k la japano, el kiuj la lasta faris lastatempe nekompareblan disvolviĝon, estas ĉiuj senescepte popoloj konsistigitaj el rasoj, kiuj aperas ne ĉiam superaj. Iu multe pli granda potenco ol hereda forto devas do agi por plialtniveligi la homon. Tio estas nenio alia ol la ĉirkonstancaro, tiu granda potenco, kiu selektas, t. e. ekstermas malsuperan kvaliton k konservas superan.

Por solvi tiun grandan problemon rilate al la homo, naskiĝis lastatempe la eŭgeniko aŭ rashigieno, la scienco, kiu fincelas ekkoni la naturan leĝon pri la superigo de la homo. Ĉiuj antropologoj k eŭgenikistoj inklinas tamen unuavice studi la rason, al kiu ili apartenas. Tio ne estas pro egoismo, sed nur pro oportuno. Japanaj sciencistoj havas do la devon studi popolojn en Orientazio, kion ankaŭ de ni postulas ĉiuj sciencistoj de la mondo. En tiu senco la studo de la japana popolo estas mia deziro k mia celo.

*Tradukita de d-ro Nisi-Seiho por „Revuo Kultura".*

# *Fiziko*

## La plej granda teleskopo de l'mondo.

Usona bankiero, s-ro M'kdonald (Mac Donald) heredigis al la Teksasa universitato 25 milionojn da dolaroj por havigi al ĝi teleskopon multe la plej grandan en la mondo. Oni povos konstrui per tia sumego celuloid-modelan teleskopon laŭ Riĉe (Ritchey), almenaŭ trioble pli kapablan ol la nuntempe plej forta, kiu troviĝas en Kalifornio. Ĝia diametro estus ok metroj. Tiu teleskopo povus koncentrigi $2^1/_2$-milionoble da lumkvanto ol povas kolekti la homa okulo, kies pupilo havas aperturon nur duoncentimetran.

Tiu ĉi fortega lumkoncentrigo estos utiligata plej altgrade per apliko de l'fotografio, kiu akumulas la lumon kontinue ricevatan, dum la homa okulo retenas la bildon, kiu ĝin trafas, nur dekonon da sekundo. Oni povos fotografi per la nova teleskopo stelojn proksimume dek miliardojn da fojoj malpli brilantajn ol la plej malforta stelo videbla per la nura okulo. Oni povos pligrandigi per tiu instrumento la lunon, la planedojn k la amorfajn nebulozojn ĝis 22 500-oble, la amasojn de l'Laktovojo k spiralaj nebulozoj ĝis 37 000-oble. Per tiu pligrandigo la luno, kiu distancas de ni 384 395 kilometrojn, estos proksimigata ĝis 17 kilometroj. Ni povos vidi tie objekton de 25-metra diametro.

Ĉiuj la Marson rilatantaj demandoj estos solvataj, ĉar oni povos vidi la objektojn sur tiu astro, kiuj havas etendiĝon 3-kilometran. Oni pensas fini la konstruadon de l'8-metra aperturo antaŭ paso de kvaronjarcento. Dudek jaroj da studoj helpe de simila instrumento alportos al la scienco tion, kion la tri pasintaj jarcentoj depost la invento de l'lorno ne povis doni.

# *Lingvoscienco*

## NEOLOGISMOJ

### II.*

En antaŭa artikolo ni vidis, ke esp-o ankoraŭ ne posedas ĉiujn necesajn terminojn por nomi la ordinarajn vivobjektojn, k ke la kreado al tiuj terminoj estas nekontraŭstarebla k eĉ favorinda tendenco. Neeviteble, kiam masonistoj aŭ arkitektoj ekuzos nian lingvon, ili alprenos *ŝutro* aŭ *skafaldo* anstataŭ la kilometraj *fenestrokovrilo* aŭ *ĉirkaŭtrabaĵo*. Kaj tio neniel malutilos, ĉar en ĉiu lando ekzistas tiaj objektoj, esence la samaj ĉie, k ne povos estiĝi konfuzo ĉe tiuj terminoj, kiuj kovras ĝuste la samajn realaĵojn.

Kontraŭe sur la intelekta aŭ sentimenta tereno ekzistas ofte nuancoj, kiuj ŝajnas facile distingeblaj, k eĉ nepre distingendaj por unu popolo, sed aspektas unuavide, k eĉ foje definitive konfuzaj al alia najbara. La diferencoj inter Fr.[1] *apprivoiser, domestiquer, dresser, élever*, aŭ *malin, malicieux, espiègle*, inter G. *mögen, können, dürfen*, aŭ *müssen k sollen*, inter A. *to make k to do*, aŭ *fine, fair, beautiful*, aŭ *point, peak, summit, top, tip, nib* ne povas ĉiam esti tre klare precizigataj al alilingvano. Ĉiuj popoloj akordas pri la realaĵo de aŭtomobilo, vitro aŭ suno, sed ne ĉiuj komprenas la saman ideon sub la sama vorto – des pli malfacile ili povas koncepti la rilatojn inter du similaj sed ne tute samaj ideoj. En la unua stadio de esp-o, oni

* Vd. la unuan parton en la 2-a kajero.
[1] Fr. = france, A. = angle, G. = germane.

(1887) ekz-e montris nur: *ĉeno, dolĉa, domo, facila, fajfi, konveni, sonĝo, ŝpari, viando;* Zamenhof, konsiderinte, ke la franca posedas nur: *chaine, doux, maison, siffler, convenir,* la germana nur *leicht, Traum, Fleisch,* la angla nur *dream, spare,* opiniis, ke oni povas unue kontentiĝi kun tiuj sintezaj vortoj. Sed iom post iom la uzantoj enkondukis la distingojn, kiujn faris iliaj patraj lingvoj inter G. *Kette k Fessel, süss k mild, Haus k Heim, pfeifen k zischen,* inter Fr. *léger k facile, songe k rève, épargner k ménager,* inter A. *sweat k mild, be convenient k be proper, easy k light, flesh k meat,* k tiuj distingoj montris sin sufiĉe perceptеblaj de alilingvanoj, tiel ke eniris la uzon k la Fundamenton, apud la supraj primitivaj, la akcesoraj vortoj: *kateno, milda, hejmo, delikata, sibli, deci, revo, ŝpari, karno.* Sed ilia enkonduko ne estis tute sendomaĝa: ĉar, antaŭ ĝi, ambaŭ nuancoj estis esprimataj per unu vorto, k kelkaj klasikaj verkoj konservis ekzemplojn pri tiu dusenceco. En la versoj de la Espero:

*Sur flugiloj de facila* (= delikata) *vento . . .*
*Ĝis la bela sonĝo* (= revo) *de l'homaro . . .*

en la proverboj: *Ŝpari* (= domaĝi) *nek monon nek penon; Inter lupoj kriu* (= bleku) *lupe* aŭ en komunuzaj esprimoj, kiel *„dolĉaj* (= mildaj) *vortoj“* (Z) oni trovas tiajn arkaikajn signifojn; sed ne ĉiu esp-isto estas devigata koni la lingvan historion de esp-o, k la rezulto estas, ke multaj rigardas tiujn frazojn imitindaj, k imitante ili daŭrigas la konfuzon. Kelkfoje eĉ la malordo estas pli grava; ĉar ili konstatis, ke ekz-e *konveni* estis uzita kun la signifo de *deci (Al malsaĝulo ne konvenas alta parolado. Z.),* iaj verkistoj uzis *deci* kun la senco de *konveni;* k ŝajnas iafoje, ke Zamenhof mem faris tiun eraron (*li vidis, ke la malbelo ofte ricevas la kronon, kiu decas al la belo.* Andersen-fabeloj, III. 118). Sama konfuzo okazis pri *trankvila* (primitiva vorto) k *kvieta* (akcesora). Zamenhof en Proverbaro, kies multaj pecoj estas tre malnovstilaj, skribis ekz-e: *Akvo trankvila estas akvo danĝera,* dum Kabe tradukis la rusan formon de la sama proverbo, ĝuste uzante la neologismon: *Kvieta akvo ŝiras la bordojn.* Sed komencanto, antaŭ tiuj du ekzemploj, ne trovos la kialon de tiu duoblaĵo, k fidante la Zamenhofan stilkorekton daŭrigos la neĝustan uzadon de *trankvila* kun la materiala signifo, aŭ definitive maldistingos ambaŭ vortojn, kiel faris foje ankaŭ Zamenhof en tiu frazo: *la malpiuloj estas kiel malkvieta maro, kiu ne povas trankviliĝi.* Oni ja povas argumenti, ke li volis eviti la ripeton de la sama vorto, sed restas tamen, ke tiaj frazoj estas tre bedaŭrindaj, ĉar iuj povas opinii ilin modeloj, dum ili estas nur licencoj.[2]

Mi iom longe insistis pri la maloportunaĵoj, kiujn kaŭzas la enkonduko de neologismo por signi apartan nuancon de ideo, jam esprimata per unu vorto: ĉar tio estas la ĉefa kaŭzo de malordo k konfuzo en la lingvo. Kiam oni devas, kiel mi faris, esplori la respektivajn signifojn de *kongrui, konveni, respondi, taŭgi* aŭ de *delikata, gracia, maldika, subtila, svelta* por starigi ilian sinonimecon en vortaro, oni plene konscias, kian embarason iafoje estigas la abundo. Oni devas do esti tre singarda pri tiu kategorio de neologismoj, k provi ilin nur, kiam oni estas certa, unue, ke la esprimota nuanco ekzistas en pluraj el la ĉefaj eŭropaj lingvoj, k due, ke oni vere bezonas ĝin en esp-o.

Sed la neologismoj, kiuj ne estas nuancoj de alia radiko, sed nur oportunaj anstataŭaĵoj de kunmetita vorto, ne prezentas la samajn danĝerojn. La evoluo de la Zamenhofa stilo, kiu skribis unue *ŝajnkaŭzo, vidigo, kulpigi, ŝanceliĝi, malvera, malsprita, maldaŭra, malsimpla, korpremeco, kuntiriĝi,* k uzis poste *preteksto, pruvo, akuzi, heziti, falsa, stulta, efemera, kompleksa, angoro, ŝrumpi* ktp montras al ni, ke tiu vojo estas tute sekura, se nur ni ne tro rapidas iri ĝin. La anstataŭigo de *maltimi* per *aŭdaci,* ekz-e, aŭ de *malhumilo* per *orgojlo* ne kreas novan signifnuancon en la lingvo. La sola ĝeno, kiun naskas tiu procedo, estas la plimultiĝo de la radikoj. Kaj oni devas agnoski, ke tiu ĝeno povas esti kelkfoje grava por la propagando. Tial oni ne devas enkonduki tiajn anstataŭojn senpripense nek facilanime. Oni devas havi motivojn por tio, k tri motivoj precipe ŝajnas al mi konsiderindaj:

1. aŭ la kunmetita vorto estas tro longa: *malhumilo, animpremeco, favorkoreco, kuntiriĝi, brutaro* (anstataŭoj: *orgojlo, angoro, graco, ŝrumpi, grego).*

2. aŭ ĝi estas maltaŭga, dusenca: *klarigi* (1. igi klara; 2. ekspliki: oni povas ekspliki problemon, k tute ne igi ĝin klara.), *kulpigi* k *senkulpigi* (ili logike devus signifi: kondamni k absolvi; fakte ili signifis: akuzi k e(k)skuzi), *vastigadi* (1. igi vasta; 2. propagandi), *paroladi* (1. multe paroli; 2. oratori, diskursi), *maltimi* (1. aŭdaci; 2. esperi), *rapidi* (1. esti rapida; 2. hasti);

3. aŭ ĝi estas psikologie malkonvena pro la trouzado de la prefikso *mal: malzorgi, mallarĝa, malkondamni, malvirtema, malĝojigi* ktp (= neglekti, strikta, absolvi, perversa, aflikti — ĉiuj Zamenhofaj, krom la unua).

El la supraj konsideroj oni ne devas konkludi, ke ĉiu kunmetitaĵo, kiu klasiĝas en iu el tiuj tri kategorioj, estas tuj forigenda. Oni devas en tio observi severan mezuron, k atendi, ĝis la nunaj neologismoj estos tute komune uzataj, antaŭ ol ĵeti aliajn sur la merkaton. Troa k tro abrupta invado de neologismoj riskus ŝanceli nian unuecon, k krei specojn de dialektoj. Oni do devas esti, mi ripetas, tre singarda pri tiu ĉi kampo. Sed oni ankaŭ ne devas rigardi, kiel herezulojn aŭ vortfabrikemajn infanojn, tiujn, kiuj uzas, tie ĉi aŭ tie, ian novan terminon. Oni devas memori, ke tia estis ĝuste la taktiko de Zamenhof, kiu sisteme enkondukis en la lingvo, ekde la jaroj 1908—9, ĉirkaŭe 1200 neologismojn, el kiuj ne ĉiuj estas ankoraŭ oficialigitaj. Oni devas fine konstati, ke la problemo pri neologismoj, kiel ĉiu problemo en viva lingvo, ne estas tiel simpla, ke oni povas tranĉi ĝin per dogmopezaj, kruddecidaj vortoj. Ĉar, kiel diras Hamleto,

ekzistas en ĉielo k sur tero
pli da aferoj, ol en la lernejoj
instruas filozofoj . . .

aŭ lingvokritikistoj. *G. Waringhien.*

[2] Stilpermesoj, la vorto „licenco“ ne troviĝas en la „P.V.“ k ĉu ĝi estas enkondukinda? — *Red.*



### La Ŝtutgarta Organiza Kongres-Komitato

sciigas, ke ĝi ankoraŭ povas liveri Kongres-programojn k -insignojn kontraŭ pago de *unu internacia respondkupono.* La SAT-anoj ne devus preterlasi tiun bonan okazon, por havigi al si tiujn belaspektajn eldonaĵojn. La programlibro ankaŭ laŭ enhavo estas tre riĉa k interesa.

La Komitato plie dankas ĉi-loke al ĉiuj Gek-doj k organizoj, kiuj bonvolis subteni ĝin en ĝiaj laboroj!

La adreso de la kongresa sekretario estas: K-do *W. Neumann,* Vogelsangstr. 66, *Stuttgart,* Germ.

# ADVERBOJ ĈE SUBSTANTIVOJ

(Ĉu korektaj: *plej supro, plej belo, plej multo,* ĉu: *plejsupro, plejbelo, plejmulto?)*

La adverboj determinas (difinas, priskribas) regule

1. verbojn (de tio ilia nomo!); ekz. *ŝi kantas bele, mi pli ŝatas lakton ol bieron, li preskaŭ dormas;*
2. adjektivojn (k adjektivajn participojn); ekz. *ŝia kantado estis eksterordinare bela, tio estas la plej alta monto, jen laboro preskaŭ senerara, bildo ĵus pentrita;*
3. aliajn adverbojn; ekz. *ŝi kantis admirinde bele, Karlo staras plej alte, estas preskaŭ neeble tion fari.*

Substantivojn kontraŭe regule determinas ne adverboj, sed adjektivoj; ekz. *ŝia kanto estis bela, la eksterordinara belo de la kanto, la plej granda alto, la preskaŭa neeblo, la morgaŭa laboro, la nura mencio.* Ni ne povas diri ekz.: *la eksterordinare belo, la bele kantado, la morgaŭ laboro, la nur mencio.*

Laŭ tio estus ankaŭ nekorekte diri ekz.: *la plej belo, la plej multo, la plej supro,* ĉar *plej* estas adverbo same kiel ekz. *pli, preskaŭ, morgaŭ, nur, ĵus, bele, eksterordinare.*

Aliflanke vortoj kiaj *supro, belo, multo* estas substantivoj eladjektivaj aŭ adjektivoj substantivigitaj. Oni povus demandi, ĉu ne almenaŭ ĉi-tiurilate ili estu rigardataj kvazaŭ formoj adjektivaj: Ankaŭ en naturaj lingvoj oni trovas similaĵojn. Ekzemple en la germana lingvo oni diras: *Das ungewöhnlich Schöne* (la eksterordinare belaĵo), *die ganz Armen* (la tute malriĉuloj). Ankoraŭ pli ofte ĉe participaj substantivoj: *Die völlig Ausgeplünderten* (la plene elrabitoj), *alle ungerecht Behandelten* (ĉiuj nejuste traktitoj), *die ruhelos Umherschweifenden* (la senripoze vagantoj), *das sehnsüchtig Erhoffte* (la sopire esperitaĵo). Ofte uzatajn kombinaĵojn kun simplaj adverboj oni skribas unuvortaj, ekz. *Der Vielgeliebte* (la multeamato), *das Mehrgeforderte* (La plipostulitaĵo), *das Meistgebot* (la plejmulteoferto), *die Mindestzahl* (la minimumenombro), *die Weiterentwicklung* (la pluevoluo), *die Neueinrichtung* (la noveinstalo).

Tiuj nacilingvaj ekzemploj montras, ke ekzistas lingva bezono por tiaj formoj: kunigoj de substantivoj k adverboj ilin determinantaj. Evidente estas diferenco de la signifo inter

*la tute malriĉulo* = la tute malriĉa ulo
*la tuta malriĉulo* = la tuta ulo malriĉa,
*la multe amatinoj* = la inoj multe amataj k
*la multaj amatinoj* = la multaj inoj amataj,
*la nejuste kondamnito* = homo nejuste kondamnita k
*la nejusta kondamnito* = nejusta homo kondamnita.

Same bezonataj estas esprimoj kiaj *Plejsanktejo, plimulto, tropezo, trouzo, supreniro, antaŭen-irado* (= iri antaŭen; *antaŭirado* = iri antaŭe), *ĵus-mortinto, ĉie-estado, ĉiel-provado, tiam-vivontoj, tie-restintoj, ĉiam-gajulo, rekte-kuŝado, klinite-starado, apenaŭ-saniĝinto, preskaŭ-venko, memstareco, forveturo, forĵetaĵo, unuenaskito, flanken-ŝovado, tuj-obeemo.*

En tiaj vortoj la adverbo ĉiam rilatas al la adjektivo aŭ al la verbo, de kiu la substantivo estas derivita.

Kiel ni skribu la adverbon ĉe substantivo? Ĉu kunigita senintere kun la substantivo, ĉu apartigita, ĉu kun liga streketo? Por la kuneskribado pledas la fakto, ke la adverbo plus la adjektivo aŭ la adverbo plus la verbo, el kiu la substantivo estas derivita, formas sence unuecan kunaĵon; ekz. *plejbelo* = (plejbela)-o, -aĵo, *trouzo* = (trouzi)-o, -ado, *memstaro* = (memstari)-o, -eco. Aliflanke per kuneskribado povas estiĝi vortmonstroj strangaspektaj k esprimoj dubsignifaj; ekz. *eksterordinarebelulino, nepacienceatendito, malfideleforlasitino; reeniro* (ĉu *re-eniro*, ĉu *reen-iro*?), *pluvado* (ĉu *plu-vado*, ĉu *pluv-ado*?), *tropiko* (ĉu *tro-piko*, ĉu *tropik-o*?), *membrido* (ĉu *mem-brido*, ĉu *membr-ido*?). La dise-skribado per sia aspekto ŝajnas kontraŭi la regulon, ke substantivoj ne estas determinataj de adverboj. Tial mi rekomendas jenan mezan vojon: Regule oni metu ligan streketon inter adverbo k substantivo. Esceptokaze oni preferu kuneskribadon, kiam per tio la vorto nek trolongiĝas, nek neklariĝas, do precipe ĉe mallongaj nederivitaj adverboj prefiksosimilaj kiaj *pli, plu, plej, mem, tro, for,* kiuj kunfandiĝas kun la adjektiva aŭ verba ideo al unu konceptaĵo. Do: *plimulto, plejsupro, foriro, plukreskado,* sed: *ekstrememalbelulino, la nur-menciitoj, volonte-invititoj, ĉie-konat(ul)oj, baldaŭ-savotoj, tro-vanto, plu-meto.*

Pro la relativa malofteco de tiaj esprimoj la tuta problemo praktike ne estas tre grava. Pli ofte oni evitas tiajn kunigojn, preferante esprimojn kiaj *malbeleg-ulino, la personoj nur menciitaj, gastoj volonte invititaj, viroj ĉie konataj, troa vant(ec)o, plua met(ad)o.* —

*Walter Lippmann (Leipzig)*

*Noto:* Al la artikolo de mia eminenta kolego mi volas simple aldoni, ke la solvo, de li proponata, estas tute konforma ankaŭ al la uzado de la franca lingvo, kiu konas kunmetaĵojn, kiel *nouveau-né* (laŭvorte: nove-naskito), *haut-parleur* (= laŭte-parolisto), *bien-aimé* (= bone-amato), *bien-fondé* (= prave-baziteco), *trop-plein* (= tro-pleno) ktp . . ., en kiuj adverbo rilatas al substantivo de verba deveno, k ambaŭ estas ligataj per streketo.

*G. W.*

# RESPONDOJ

I. K-do A. L. — *Ĉu oni povas uzi DES PLI, ne uzante samtempe la korelativon JU PLI, aŭ ĉu estus pli korekte uzi nur TIOM PLI en tia okazo?*

Logike, la korelativaj adverboj JU-DES formas kunaĵon, karakterizatan per ideo pri paralela kompara variado. Sekve, kiam en la frazo ne ekzistas tia ideo, estus pli logike uzi nur TIOM PLI. Tiel ordinare agas Kabe:

1. *Tiom pli plezure li rigardis de supre tiujn „matos"* . . . (Pola Antol., 83)
2. *Eĉ por sturno estas utile ion lerni, tiom pli multe por homo.* (Unua Legolibro, 33)
3. *Se li ne ĝuas tion, tiom pli malbone por li!* (samloke, 86)

Sed la logiko ne estas la sola forto, kiu efikas en vivanta lingvo; la analogio ludas ankaŭ gravan rolon, iafoje eĉ pli gravan ol tiu de la logiko. Tial oni iompostiom kutimiĝis uzi ankaŭ DES sen antaŭa JU. Jen ekzemplo de Kabe:

4. *Tie ĉi eĉ la korvoj forflugas vintre, des plie tiuj malgrandaj birdetoj.* (Pola Antologio, 148)

Tia estas la kutima uzado de Zamenhof. Jen ekzemploj el la 3a libro de la Andersen-fabeloj:

5. *Eble estos pli bone, se ni ĝin ankaŭ aŭskultos, des pli ke ĝi estas mallonga.* (57)
6. *La silenteman submajstron, kiu malmulte parolis, sed des pli multe laboris.* (64)
7. *Plej fortajn incensojn, kiuj eĉ al anĝelo farus kapturnon, des pli al simpla poeto.* (120)
8. *Mi neniam havis la feliĉon veni en manĝoĉambron, des pli en manĝaĵejon.* (131) (En tiu lasta ekzemplo, la senco nepre postulas: *des malpli; des pli* estas eble maŝineraro, se ne preseraro).

Oni krome vidas, ke Zamenhof uzas regule DES PLI (ekz. 5, 7, 8), en okazoj, kiam tiu adverbo rilatas nek al adjektivo, nek al adverbo, nek al verbo, k DES PLIE estus pli logika (kp ekz. 4.).

Tiu analogia vastigo de la uzo al DES estis faciligata unue, per la pli energie prononcenda, pli nete distingebla formo de DES (kp, en la 3a ekz., la sonkonfuzon inter *tion k tiom*); due, per la ekzemplo de la germana lingvo, el kiu tiuj adverboj estas tiritaj (*je mehr . . . desto mehr*): ĝi diras egale: *um so besser* (tiom pli bone) k *desto besser* (des pli bone). Eĉ en la paralela uzado, oni povas trovi: *Je mehr ich reise, um so mehr möchte ich reisen* (ju pli mi vojaĝas, tiom pli mi deziras vojaĝi) anstataŭ la regula *desto mehr* (des pli). Tian liberon Zamenhof transportis iafoje en esp-on:

9. *Ju pli da laborantoj estos, tiom pli rapide estos finita la konstruo.* Sed tia libero kondukus al interŝanĝado de la primitivaj signifoj de DES k de TIOM, k la rezulta situacio tute similus al perfekta kaoso. Ĝi ne estas do imitinda.

Resume, oni povas do korekte uzi DES PLI anstataŭ la pli logika formo TIOM PLI, sed oni ne povas uzi TIOM PLI korelative kun JU PLI.

*G. W.*



## Sub la sagoj de l'kritiko

**Jules Romains: Knock aŭ la Triumfo de Medicino. Komedio en tri aktoj. Tradukis d-ro *P. Corret*. Eldonejo „Esperantista Voĉo", Jaslo (Polio). 1932. — 79 paĝoj. Form. 12 × 18 cm. Prezo: 7.50 fr.fr.**

Sprito k ironio distingas tiun ĉi komedion de l'antaŭenema k liberspirita aŭtoro; ĝia prezento trovis sukceson jam en pluraj naciaj lingvoj k laste ankaŭ en esperanto, okaze de la Pariza esperantista kongreso. Estas la historio pri profitemaj kuracistoj, kiuj ekspluatas la naivon k timeman stulton de kamparanaj klientoj. Unu kuracista tipo, kiu mallaboremas k malzorgas sian distrikton k fine vendas, laŭ franca kutimo, sian neenspezigan praktikadon al riĉiĝema posteulo, kredas negoce superruzi ĉi lastan. Fakte la novulo tamen scias fari profitigan „negocon" per la distrikta klientaro, kredigante al sanaj personoj, ke ili havas tian aŭ alian malsanon. Tiuj imagmalsanuloj estas ekspluatataj laŭ la povo de sia monujo.

Legante la scenojn, oni estas iel memorigata pri la sprito de Moljero; nur la enkonduko (la tuta unua akto) estas kompare tro longa, la konversacio nedrameca, sekve iom teda. La du sekvantaj aktoj kun la lerta ruzulo Knock en la centro estas treege ridigaj k ŝercoplenaj.

La zorgema k sukcesa evitado de neologismoj en la laŭfundamenta traduko estas nepre salutinda; nia lingvo permesas ja formi kunmetitajn vortojn, pri kio tro ofte estas malmemorate, kiuj ne malbelsonas, se ili ne estas *tro* longaj, k kies senco estas absolute klara k preciza. Se oni tamen havas mirsenton, legante *krim-fuŝi* anstataŭ *saboti*, tio okazas, ĉar oni kutimiĝis kiel *gazet*leganto pri internaciaj vortoj k ĉar oni ankaŭ kiel esperantisto ankoraŭ ne sukcesas sufiĉe memstarigi sin for de la nacilingva influo.

Ke la traduko estas farita laŭ la franca lingvo k *nur povas* esti farita laŭ ĝi, evidentiĝas per la esprimoj „pribleki" k „harojn kvarone disfendi"; la unua esprimo en esperanto sonas tamen malpli draste ol en la originalo ... neeviteblaĵo — ĉar oni ne ankoraŭ sufiĉe vulgarlingvigis esperanton.

Resume, la traduklingvo estas neriproĉinda. *N. B.*

## NIA POŜTO

*16 936.* — Ni uzos tute aŭ parte vian materialon, laŭ la loko.
*16 970.* — Via manuskr. taŭgas k aperos en „L. L.".

Koresponda Vespero okazos la 15-an de oktobro 1932. La apeldoornaj esperantistoj, kvar div. grupoj, dez. interŝ. PM. PI, ideojn pri forigo de la reganta krizo, pri mondpaco ktp. Nepre ni respondos. M. G. Kramers, 67, Arnhemsche Weg, *Apeldoorn* (Nederlando).

## RADIO-PROGRAMO

*7. oktobro:*
20.10 — 20.20: Radio-Côte d'Azur, parolado (*same:* 14. 10.)
23.00: Lisboa CTIAA, 31.25 m, informoj (*same:* 14. 10.)
*8. oktobro:*
20.20 — 20.30: Lyon-la-Doua, 466 m, parolado (*same:* 15. 10.)
*11. oktobro:*
20.00 — 20.10: Tallin-Tartu, informoj.
20.00 — 20.30: Ljubljana, 576 m — parolado.
*13. oktobro:*
22.05 — 22.15: Valencia, 266 m, babilaĵoj.

*Stokholmo* k *ĉiuj svedaj sendstacioj* disaŭdigas esp-on *ĉiumonate la unuan dimanĉon* (horo: 10.00 — 10.30).

Pri esp-aj dissendoj de *Leningrado* k *Moskvo* dum vintro ĝis nun neniu informo estas ricevita.

## KORESPONDADO

**AŬSTRIO**

ALLE-grupanoj dez. individuan koresp-adon kôl, pri ĉ. temoj. Respondo garantiata. Peranto: Franz Sykora, Steinbauergasse 36, 6, 11, *Wien XII*.

**BELGIO**

Brusela SAT-Rondo koresp. kolektive kun eksterl. grupoj pri sociaj, ekonomiaj k politikaj temoj. Adreso: Esperantista Laborista Grupo, 17 Rue du Poinçon, *Bruxelles*.

**FRANCIO**

K-do *Ponlevé*, 38, rue Bourelly, *Montpellier* (Hérault) dez. kor. kun germana K-do pri sociaj temoj k sociologio.

**GERMANIO**

K-do Hugo Recklies, Aktienstr. 146/I.r., *Essen-Borbeck*, koresp. kôl.

K-do Fritz Schomaker, Hospitalstr. 12/III., *Schwerin* (Mecklb.), prefere kun Anglio, Hispanio k Francio.

**SVEDIO**

K-do Ivar Johansson, Mellangatan 9, *Göteborg*, kun Gek-doj ĉl., L, PK.

**Atentu, anarkiemaj Gek-doj!**

Pasintan jaron mi alvokis ĉiujn anarkiemajn Gek-dojn en SAT, kun la celo konsideri la eblon fondi anarkistan frakcion, do provizore labori ĝis la Kongreso. En la Kongreso ni organizis frakci-kunsidon, kiu bone estis vizitata. Larĝe ni priparolis la nunan staton de SAT k la eblojn por la anarkista movado ĝenerale. Klare sin esprimis la K-doj por fondo de anarkista frakcio. Tiel okazis; ĉiuj ĉeestintoj aniĝis, sed ni estas konvinkitaj, ke ankoraŭ ekzistas multaj K-doj, kiuj ne povis viziti la Kongreson, sed kiuj ja havas intereson por la frakcio. Por tiuj la alvoko.

K-doj, turnu vin al la sekretario, kiu donos al vi pliajn k detalajn informojn. Montru intereson por nia afero.

La sekretario: *W. Wessels*, Vespuccistr. 97, III, *Amsterdam-W.*

Nia K-do troviĝas nun en malliberejo pro militrifuzo. Li lernas tie esperanton. Sendu salutojn al: Wille Beck, Kronohäktet Langholmen, *Stockholm* (Svedio).
La Anark. Esp. Grupo de Stockholm.

**Abontarifo:**
Argentino, pes. 2; Aŭstrio, ŝil. 4; Belgio, belgoj 3; Brazilio, milr. 5; Britio, ŝil. 3; Bulgario, lev. 100; Ĉeĥoslovakio, kr. 20; Danio, kr. 3; Estonio, kr. 2.50; Finlando, mk. 25; Francio, fr. 15; Germanio, mk. 2.50; Hispanio, kiel Francio; Hungario, peng. 4; Italio, lir. 15; Japanio, jen. 2; Jugoslavio, din. 40; Latvio, lat. 3; Litovio, lid. 6; Nederlando, guld. 2; Norvegio, kr. 3; Polio, zlot. 5; Portugalio, esk. 12; Rumanio, lej. 120; Sovetio, rubl. 1.50; Svedio, kr. 3.50; Svisio, fr. 3.50; Usono, dol. 1.

**REDAKTEJO: 14, av de Corbéra, Paris 12e.**
**ADMINISTREJO: R. Lerhner, Kolmstr. 1, Leipzig O 27.**

Presejo: Oscar Wettig, Gelnhausen (Germanio)